XXIIIa jaro. No 323 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER
GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



## La devo ne forgesi!

Nia jubilea kongreso malfermiĝos en Danzig kaj fermiĝos en Varsovio. Prave kaj samideane la loka komitato konsentis, ke okazu en la urbo de nia Majstro la ferma kunsido de la XIX-a kongreso. Tiamaniere la pola esperantistaro havos okazon bonvenigi pli multajn eksterlandanojn. Oni legu sur paĝo 12 la novajn faciligojn por tiu pilgrimado.

Kio estos ĝia profunda senco? Unue honori unu el la plej gloraj filoj de Pollando kaj unu el la plej bonfaraj pensuloj en la mondo. Due memori solene kaj kune la grandan instruon, kiun li donis al la homaro per sia lingvo.

Ni havas la devon ne forgesi tion, kion D-ro Zamenhof celis, t. e. eduki homojn al internacia komprenemo kaj konstruemo. Duoncentjaron antaŭ li, alia granda kaj glora filo de Pollando Adam Mickieviĉ jam predikis tiun altan idealon al siaj malfeliĉaj kaj persekutataj samlandanoj. Eĉ en doloro, eĉ en mizero, eĉ en turmento li signis al amo kaj mallaŭdis malamon, la nigran detruilon, la gvidilon al morto.

Sub la historiaj arkaĵoj de la Londona urbodomo en 1907 nia Majstro alvokis nin, ke ni gardu nin ĉiam de malamo kaj montris al ni, ke la vera fila sento al la hejmlando ne devas konsisti el malamo al ĉiuj ceteraj, sed el amo tiom profunda kaj tiom grandkora, ke ĝi povu ankaŭ inspiri ĉe ni la simpation kaj komprenemon al la ceteraj.

Same kiel Mickieviĉ, li antaŭvidis periodon, kiam la popoloj komencos kune konstrui sian tutmondan kunligiĝon „en granda rondo familia". Lia revo estis, ke lia lingvo povu servi kiel disvastigilo de tia nova harmoniema spirito en la tuta mondo.

Ni havas la devon ne forgesi tion. Kiaj ajn estas la diversaj uzoj teknikaj aŭ partiaj de Esperanto, ĝia vivo kaj sango ŝprucas el tiu spirito. Tial nia poeto Julio Baghy tute pravas, kiam li nomas nian neŭtralismon fakte „ideismo". Jes ĝi estas superpartia ideismo kuniganta la homojn kredantajn kaj esperantajn je kunlaborado de ĉiuj popoloj sur pli egala kaj pli sincera bazo. Ni povas diversi pri la rimedoj, ni unuecas pri la ideo mem.

Nia movado ne estas neŭtrala inter amo kaj malamo, inter komprenemo kaj malbonvolo. Neŭtrala estas nur la fundamento, kiun ni proponas al la homoj por konstrui al si pli liberajn kaj pli amikajn rilatojn trans ĉiuj intergentaj baroj. Ĉio kio tuŝas al tiu konstrua laborado, apartenas al la verda standardo kaj estas bona materialo por riĉigi nian kulturon. Jes, ni havas la devon ne forgesi tion.

*Edmond Privat*

# Wiesbaden
## la plej granda banloko germana.*)

Ĉarmon elradias la nomo de la mondbanurbo Wiesbaden. Ĉirkaŭata de aromaj arbaroj de „Taŭnus"-montaro, freŝigata per la akvo de la proksima Rejno, la urbo okupas la benatan valon inter tiuj ambaŭ. Mirinda urbo kun la misteraj efikoj de siaj fontoj, kun la beleco de siaj ĝardenoj, vilaoj kaj impresigaj konstruaĵoj, kun siaj artaj manifestacioj kaj kun la tuta riĉeco de sia societeca vivo! Loko kvazaŭ kreita por la resaniĝo de la korpo kaj por la refreŝiĝo de la spirito el la maltrankvilo de la mondbruado.

Kiel la varmegaj fontoj eliĝas depost neesploritaj pratempoj kaj ĉiuhore, eĉ ĉiumomente ree kreas la valoron kaj gravecon de Wiesbaden por la homoj serĉantaj resaniĝon, tiel en tiu ĉi urbo estiĝis mil fontoj por la regenero, por la refreŝiĝo kaj de jungaja fortsento. Ĉu do estas mirinde, ke jam ĉiam sennombraj homoj, kies korpo kaj animo tie ĉi resaniĝis, laŭdante disvastigis en ĉiuj landoj la nomon Wiesbaden pro dankema amo kaj en senfina sopirado, kiu ĉiam denove allogas ilin al la bela urbo de la fontoj?



WIESBADEN — Kuracejo

Dum la tri jarcentoj post naskiĝo de Kristo la romanoj estis tiuj, kiuj fondis tie ĉi la unuan distingitan banurbon en la regiono de la varmegaj fontoj. Sur la sama loko, kie antaŭ jarcentoj keltaj kaj pli frue germanaj popoloj konstruis sian primitivan kolonion „Mattiakon", por ĝui la dian revelacion, kiu manifestacias sin per la ŝprucakvo, estiĝis poste kuraca kaj luksa banloko konata en la tuta romana imperio. La romanaj scienculoj raportas pri ĝiaj kuracfortoj, la romanaj poetoj laŭdas ĝiajn amuzojn. Ĉie en Wiesbaden ni trovas la atestaĵojn pri tiu unua brilepoko de la „Fontes" aŭ „Aquae Mattiacae", kiel oni karakterizis la fontojn laŭ la tiama nomigado en kolonioj. Pro tio la temploforma frontkonstruaĵo de de la nuna pompa „Kurhaus" (kuracdomo) ornamata kun jonaj kolonoj montras kiel surskribon tiun nomon el la germana prahistorio.

*) La Urba oficejo por trafiko (Städtisches Verkehrsbureau) eldonis novan bele ilustritan gvidfolion de Wiesbaden, kiu estas senpage havebla per poŝtkartmendo.

Sed la nuna Wiesbaden estas tute moderna urbo. Laŭ sia destino kiel kuracurbo ĝi vere estiĝis „infano“ de la lasta jarcento. Krom la frumezepoka nomo „Wisibada“, per kiu la konata historiisto de Karlo la Granda, Eginhard, indikis la urbon en la jaro 830, nenio konserviĝis el la antikvaj tempoj. Ĉio nun montras la aspekton de pulsanta novtempo kaj komplete adaptiĝis al la bezonaĵoj de la nuna tempo. Oni deziras, ke la fremduloj sentu de ĉiuj flankoj la kvazaŭ profetan bonvensaluton: „Resaniĝon kaj refreŝiĝon!“

La kupolkonstruaĵo de „Kochbrunnen“ (bolfonto) kun la varmega akvo, kiu eliĝas el la internaĵo de la tero verŝajne du kilometrojn sub la surfaco, kaj la aliaj kuracpovaj varmegaj fontoj speciale karakterizas la urbon Wiesbaden. En granda granitbaseno ondbolas la grandega fonto, kiu neniam elĉerpiĝas restante ĉiam egala laŭ akvokvanto kaj temperaturo. La homoj liberigitaj de diversspecaj ĝenantaj suferadoj per trinkado de la fontakvo promenadas en la trinkejo, en la alkonstruita promenhalo kaj en la apuda bela ĝardeno.

De speciala graveco por la trinkkuracado kiel ankaŭ por la uzado de la banoj en la grandaj banejoj kaj la diversaj hoteloj estas la fakto, ke la urbo ŝirmata per la „Taŭnus“-montaro kontraŭ akraj ventoj posedas klimaton, kiu distingiĝas per mildeco kaj egaleco.

La printempo aperas en Wiesbaden pli frue ol aliloke. Malrapide kaj sen rimarkeblaj ŝanĝoj la somero transiras en ravigan la vinberojn maturigantan aŭtunon, kiu regas ankoraŭ longtempe eĉ en la vintromonatoj laŭkalendaraj. Kaj precipe la vintro estas ŝatata pro sia mildeco. La sezonoj kun sia egala kaj konstanta temperaturo kaŭzis do la famon de Wiesbaden. Kompreneble ekzistas kulminacioj en la banurba vivo, ekzemple en printempo kaj aŭtuno, sed ĝi neniam plene ĉesas dum la tuta jaro. Homoj serĉantaj resaniĝon kaj refreŝiĝon trovas en la modernaj hoteloj, pensionoj kaj kuracejoj somere kaj vintre ĉiun eblecon uzi la rimedojn por la kuracado.

Pro tio oni povas kompreni, ke la beleco de la urbo, ĝiaj propraj ĉarmoj pejzaĝaj kaj tiuj de ĝia plej proksima ĉirkaŭaĵo — fariĝis do la „Taŭnus“-urbo Wiesbaden per la aligo de la urboj Biebrich kaj Schierstein nun ankaŭ Rejn-urbo — ke ĝiaj kuracpovaj fontoj kaj la grandnombro de ĝiaj artaj kaj societaj aranĝaĵoj kaŭzas konstante kreskantan allogan forton ankaŭ por tiuj, kiuj prefere ŝatas tian distingitan parton de la tero kiel daŭran hejmlokon. La evoluado de la vilaokonstruado en Wiesbaden estas jam nun evidenta kaj promesas pro la helpvolo de la urba administrado por la estonteco pli kaj pli ampleksan evoluadon de la urbo, kies situo estas ja tiel favora koncerne la komunikadon inter ĉiuj partoj de Germanujo.

Ne malpli ol 27 sanigaj fontoj varmegaj ŝprucas el la fundo de la tero en la mondkuracurbo Wiesbaden. Du kilometrojn longaj estas la vojoj alkondukantaj al la homaro la varmegan bensaluton de la subteraj potencoj. La varmeco de la terinternaĵo montriĝas ankoraŭ en la fontoj per la temperaturo, kiu en ĉiuj estas tiu de la plaj granda fonto „Kochbrunnen“, nome 65,7 gradoj laŭ Celsius. Kaj ankaŭ alie ili ekkonigas sin kiel infanoj de la sama patrino per la plej preciza parenceco de sia karaktero. Kiel iliaj vojoj supren-kondukantaj estas egalaj tiel samaj estas iliaj ankoraŭ neuzitaj virgaj substancoj promesantaj al la homo novan laŭnaturan refortiĝon kaj resaniĝon de ĝiaj organoj malplifortigitaj kaj eluzitaj.

El la Wiesbaden'aj fontoj eliĝas entute du milionoj litroj da varmega akvo ĉiutage, t. e. 1300 litroj pominute, sole el „Kochbrunnen“ kaj la plej granda fonto post ĝi, „Adlerbrunnen“ (aglofonto), en unu minute 515 litroj je specifa pezo de 15 gradoj laŭ Celsius de 1,005529 kompare al akvo de 4 gradoj laŭ Celsius, fakto science konstatita en la jaro 1905 de profesoro D-ro Hinz en la mondfama laboratorio de la eminenta kemikisto Fresenius. La nemineralaj substancoj en la fontoj estas trovitaj en 1000 pezeroj de „Kochbrunnen“-akvo (en la aliaj fontoj estas simile) kiel sekvas: klornatrio 6,8, klorlitio 0,6, „Calcium carbonicum“ 0,35, „Magnesium carbonicum“ 0,26, libera karbonacido 0,3 pezeroj. Pro tia kvalito la fontoj estis uzitaj jam de longa tempo por ban-, trink- kaj inhalad-kuracadoj kiel por la kuracado kaj resanigo de la plej diversspecaj malsanoj.

La bankuracadoj uzataj per la Wiesbaden'aj sanigfontoj kiel plen- kaj duŝbanoj estis ŝatataj jam en pratempo pro la eksterordinaraj stimuloj de la saleca akvo por haŭto kaj nervoj, sangotubaro kaj korfunkciado, por la profundiĝo de la spirado kaj la tuta nutradprocedo de la organismo. Krom tio la dolorkvietigantaj kaj sanigantaj banoj forigas la malsanecan atonion de la muskolaro tiel efektive kaŭzante la resaniĝon de malsanaj artrikoj. La banado multe helpas kuraci artriton kaj reŭmatismon, precipe muskol- kaj artrikreŭmatismon, ĉiuspecajn artrikmalsanojn, paralizojn kaj neŭralgion, antaŭ ĉio iskiation, restiĝintaĵojn kaj plidikiĝojn de organoj post inflamo, ŝveliĝon de la artrikoj post vundiĝoj, inflamojn kaj aliiĝojn de la glandoj, ostmalsanojn post akcidentoj, inflamojn pro pusiĝo de la tubostoj, de la artrikoj kaj vertebroj, kelkajn virinmalsanojn, haŭtafekciojn, vundojn kaj ulcerojn, kormalsanojn, malsanojn de la nervaro, de la digestorganoj, stomako-, intesto-, reno- kaj vezikomalsanojn, infanajn malsanojn ktp.

Koncerne la trinkkuracadojn estas citinda antaŭ ĉio la bona digesteco de la akvo, kies efiko sin montras ne nur rilate al la regulado kaj akcelado de la ĝenerala digestado kaj de la plifortiĝo de la nutrado, kaj tia-

maniere batalante kontraŭ la perturboj montrante sin kiel konstantaj kataroj de la stomako kaj intesto, sed ankaŭ ĉe speciale korpstataj malsaniĝoj, kiaj estas artrito, diabeto kaj dikventreco, hepato- kaj lieno-ŝveliĝoj. Krom tio antaŭ ĉio afekcioj de la spirorganoj: nazo, laringo, gorĝo, kaj bronĉioj estas favore influataj.

La inhaladkuracadoj precipe servas sukcesplene kontraŭ suferoj de kataroj de nazo, faringo, gorĝo kaj bronĉioj; plie kontraŭ obstina raŭkeco. Cetere la ekspedo de saniga fontakvo en boteloj per la „Wiesbadener Brunnenkontor“ (fontkontoro) ebligas daŭrigi la kuracadon en la hejmo mem. Ankaŭ produktaĵoj faritaj per vaporigo de la fontakvo, ekz. Kochbrunnensaloj, pasteloj kaj sapo estas forsendataj per tiu oficejo.

Kiam la en privata posedo troviĝantaj parte simplaj parte kun bonelektita eleganteco aranĝitaj hotelbanejoj kun siaj propraj fontoj (en aliaj la varmegaj banoj estas ebligataj per alfluigo de la fontakvo) por la ĉiam pligrandiĝinta ĝenerala kuractrafiko de la urbo ne plu sufiĉis, la urbo mem laŭ projektoj de eminentaj konstruartistoj kaj arkitektoj konstruigis en la jaro 1913 la plej modernan urban modelbanejon kaj inhalejon, la „Kaiser-Friedrich-Bad“ (imperestro Frederiko-banejo). Ĉiuj progresoj en la fakoj pri higieno kaj banurba tekniko kuniĝas tie kun estetika arta aranĝaĵo por modeliga entrepreno perfekta en sia speco. La granda nombro de izolaj banĉeloj: simplaj sed malgraŭ tio plej taŭge instalitaj kaj oportune aranĝitaj banĉambroj kun apudaj salonetoj kun molaj ripozsofoj, la ebleco uzi banojn kun varmfonta aŭ ordinara akvo, karbonacida aŭ oksigeno, la fako por akvokuracado, vaporbanoj, elektraj lum- kaj akvobanoj, terapio per varmega aero, roman-irlandaj banoj, sablo- kaj ŝlimbanoj, la inhaladfako instalita laŭ la plej novaj medicinaj esploroj por komuna kaj izola inhaladoj per enspiro de varmfonta, ordinara aŭ sulfura akvo, eteraj oleoj kaj oksigeno kun aparatoj por kuracado per aero ktp.: ĉio tio montras jam per nura citado la multspecajn kuracrimedojn en tiu entrepreno.

La „Adler-Kochbrunnen“ (aglo-bolfonto), kiu provizas la „Kaiser-Friedrich-Bad“ per sia kuracakvo, estas kvazaŭ ties pordgardisto. La temploforma konstruaĵo ĉirkaŭanta la antaŭplacon kun la apude konstruita promenhalo por personoj trinkantaj fontakvon troviĝas ĝuste apud la enirejo.

La urbo posedas ankoraŭ du aliajn pli simplajn bandomojn provizatajn per propraj fontoj: la „Schützenhofbad“ (pafistkorta banejo) kaj la „Gemeindebad“ (komuna banejo); sed en ambaŭ oni nur povas uzi banojn kun varmfonta akvo.

Multnombraj urbaj kaj privataj entreprenoj, sanatorioj kaj klinikoj estas destinataj por aliaj kuracceloj, nome masaĝo, kuracgimnastiko, elektroterapio, „termopenetracio“, kaj posedas aer- kaj sunbanejojn. Oni povas ankaŭ apliki dietkuracadojn en multaj hoteloj kaj pensionoj. Por tio la proksima „Rheingau“ (Rejndistrikto) kun sia legom- kaj fruktriĉeco kaj granda amaso da vinberoj por la vinberkuracadoj liveras ĉion necesan.

En la mezo de arbaro „Unter den Eichen“ (sub la kverkoj) granda aer- kaj sunbanejo kun duŝbanoj estas konstruita, kaj ĉe la proksima Rejnbordo en Biebrich kaj Schierstein, estas aranĝitaj depost nelonga tempo bordbanejoj instalitaj kun ĉia imagebla komforto.

Wiesbaden fine prezentas pro sia monteca kaj arbarriĉa ĉirkaŭaĵo nelimigitajn eblecojn por terenkuracado kaj por multnombraj promenadoj en ĉia alteco. Wiesbaden pro tio estas vere la ideala loko por la nomita kuracado. Plie la jam menciita privilegio koncerne la favoran klimaton karakterizitan per nur mildaj ŝanĝoj inter la sezonoj ebligas diversmanierajn kuracadojn; kaj tiu fakto estas speciala avantaĝo por reŭmatismuloj, artrituloj, nervmalsanuloj, kaj por personoj emantaj al malvarmumo de la supraj spirorganoj.

## *Printempa Varianto*

*„Salte-dance, hop kaj hop!*
*Jen alvenas en galop'*
*Rajdoside sur skarabo*
*La Printempo, ĉarma knabo.*
*Junaj herboj, florburĝonoj*
*Jam borderas lian vojon,*
*Kaj ĉielaj violonoj*
*Sorĉe zumas novan ĝojon!“*

*Tiel do, aŭ proksimume,*
*Poezio ekspluatas*
*La Printempon. — Interdume*
*Pli praktike mi konstatas,*
*Ke venteto-petolulo*
*Helpas miajn priokupojn:*
*Li ĉe ĉiu stratangulo*
*Blovas sub knabinajn jupojn . . . .*

*Jen printemp-pejzaĝa ĝuo!*
*Mi admiras la naturon,*
*Se ĝis ĉarma la genuo*
*Ĝi malkovras belan kruron!*

Raymond Schwartz

**Kun la nuna gazeto estas sendataj:**

**Gvidfolio tra Zutphen, nederlanda urbo**

**Banloko Zoppot ĉe Balta Marbordo**

Gvidfolio pri Zoppot estas sendata al la abonantoj de jenaj landoj: Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Danio, Estonio, Finnlando, Germanio, Latvio, Litovio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Svedio

# „Belga“, la nova belga monunuo.

Tiu nova monunuo estas por ni duoble interesa: kiel unu el „artefaritaj“ monunuoj (komparu estintan „spesmilon“) kaj kiel monunuo kun „artefarita“ nomo — Belga.

En la komenco tiu unuo ekzistis nur teorie, en la kalkuloj kaj sur la borsaj tabeloj. Nu, ĝi praktike realiĝis, en formo de la bankbileto, kiel montras la bildo. Tiu bileto ĵus aperis el la Regna presejo de Belgio, nome el la presejo de la Nacia Banko. Oni demandis la ĉefon de la banko, S-ron Louis Franck: „Kial oni trovis necesa la presadon de la biletoj en frankoj kaj en belgoj?“ S-ro Franck respondis: „Ĉar nun la Belga estas la sola monunuo kiu figuras sur la monda borso. Tiurilate ĝi faras al nia valuto grandan servon. Do, estis necese por la ĝusta informo de la fremdlandaro kaj por la oportuno de niaj civitanoj kiuj vojaĝas kun la nacia mono, ke ekzistu la biletoj sur kiuj la valoro estas indikita en „Belgoj“. Tiamaniere estos konate, ke la Belga egalas al kvin belgaj frankoj.“

La nova bileto valoras 100 Belgojn aŭ 500 frankojn.




La gravuro restas la sama kiel sur la malnova mono, ĉar la praktiko vidigis, ke ĝi estas neimitebla. La papero estas farita el pura ĉifono, kies fibroj povas identiĝi per mikroskopo. La elirantaj biletoj estas zorge registrataj ĉiutage ĉe la Nacia Banko. Tra la bileto oni vidas la filigranon („akvaj signoj“) faritan per speciala maŝino en la momento mem de la papera folia fabrikado. La gravuraj kliŝoj estis preparitaj en la banko mem per speciala galvanoplastika procedo, kiu havigas la nikelajn kliŝojn kiujn distingigas la preciza reprodukta fideleco kaj escepta malmoleco. La superpresado fariĝas sur apartaj maŝinoj per kvar koloroj kun garantiita koincido de la desegnaj konturoj. Entute estas ses kliŝoj por la faco kaj kvar kliŝoj por la dorsa flanko. Oni presigas po kvar biletoj sur ĉiu folio: tuj poste la folio estas zorge ekzamenata. Paketo da mil folioj, t. e. 2.000.000, estas portata al la ĉirkaŭtranĉo kaj poste ree kontrolata; fine oni ligas la paketojn per rubandoj. Baldaŭ la banko intencas eldoni la biletojn je 50 kaj je 10 Belgoj.

## LITERATURO

# La lasta horo de papo Inocenco III.

de *Heinrich Federer*

☆

Heinrich Federer, svisa verkisto germanlingva (* 1866 en Brienz, vivas en Zürich) ŝatata multlegata aŭtoro. Plej konataj verkaĵoj *„Lachweiler Geschichten"*, *„Berge und Menschen"*, *„Papst und Kaiser im Dorf"* ktp. Belegaj estas la malgrandaj rakontoj el Italio *„Wander- und Wundergeschichten vom Süden"* (Migro- kaj miraklorakontoj el la Sudo) kaj *„Umbrische Geschichten"* (Umbriaj historietoj). Ni prezentas al nia legantaro unu el la plej belaj rakontoj *„Das letzte Stündlein des Papstes"* kun afab'a permeso de la aŭtoro.

La granda Inocenco kuŝis mortanta posttagmeze de l' varmega 16 Junio 1216 en la episkopa palaco de Perugia sur alta lito ĉe malfermitaj fenestroj. Subite la sorto venis super la fortikan estron kaj puŝis lin de l' labortablo plena je mondregantaj diktaĵoj ankoraŭ nesekigitaj, al la morto. Orangô je nekonvena tempo, febro, konfuzigita kuracisto kaj la morto, ĉio dum duontago.

Li vidis brili el la kuseno la valon de l' Tibro kaj kontraŭflanke la etajn urbojn Assisi, Spello, Foligno kaj Crevi. Sed paroli, skribi aŭ nur indiki ion per la fingro la mortanto ne plu povis. Rigide kaj kviete li kuŝis. Sub la fenestroj sur la pavimo li aŭdis ĉevalajn piedbatojn, alvenantajn veturilojn, galopantajn kurierojn rapidantaj Romon. Li aŭdis arablingvajn interinsultojn de la kuracistoj nepovantaj interkonsenti kaj la sursuron de la longaj roboj. Kaj li aŭdis flustri la prelatojn kaj korteganojn: „Li estas de riĉa deveno kaj ŝparemulo. Kiu konas lian testamenton? Kion li postlasas al ni?" Aĉe sonis, kiel jam oni zorgis pri la ŝlosilo de tiu aŭ alia trezorujo. Sed ankoraŭ pli malbone sonis la ĥaosa dirado: „Dio, kio fariĝas de nia sankta eklezio? — Tiel juna la imperiestro, tiel teruriga la Muslimano, kaj tiom necesa nia papo kiel suno en ĉielo. Kiu okupos lian seĝon? La mondo disfalas." Tion kaj plie la multan bruadon, akompanantan la foriron de grandulo kaj la venon de l' posteulo, li aŭdis per la pli delikata orelo de l' mortanto. Sed lia granda animo ridetis. Ah, kia idiotaĵo! Jen brilas Assisi. Tie vivas la viro, kiu sole taŭgas por la nuna momento. Kie estas Francisko la Almozulo? Francisko, venu! Ah, se nur li povus voki lin!

Iam en Romo li staris antaŭ la papa seĝo kaj demandis simplanime: „Sinjor' papo ĉu ni povas esti malriĉaj?" La juna papo mire skuis la buklobrunan kapon. La korteganoj laŭtvoĉe mokis.

„Ĉu ni rajtas vivi en malriĉeco?" ripetis Francisko, ankoraŭ pli humile.

Inocenco delikate ridetis. Kia ĝi estas la malriĉeco? Kia nova riĉeco, la neposedo?

Sinjor' papo, tiele mi opinias: Ĉu mi rajtas fondi familion de nuraj svatantoj? Sed ne el svatantoj je nobelaj filinoj aŭ pro episkopa ĉapo aŭ pro baronecoj! Ne, el svatantoj de l' bela, pura, sankta Sinjorino, la Malriĉeco. Ĉu ni rajtas vivi el Almozoj? Kaj plie vivi kiel sciuroj kaj birdoj en la arbaro, uzi la komfortan karan teron kiel tablon kaj seĝon kaj liton kaj studtablon? Kaj la muzikon de l' sursurado kaj bruado de l' bestetoj, la akvon por ludo? Kaj ĉu ni rajtas senzorge nin ĝojegi de l' naturo kaj de ĝia kreinto.

Kaj ĉar tia malriĉeco sole estas vera riĉeco: ĉu ni rajtas prediki nian bonegan idealon ankaŭ al aliaj? eble al la penantoj kaj ŝarĝitoj? Al la malkontentuloj kaj avaruloj kaj ĝuemuloj? Por ke ĉiuj simpliĝu? Ĉar esti simpla, signifas laŭ la evangelio, esti sankta. Ĉu ni rajtas, Sinjoro Papo, ĉu ni rajtas tion?

Tio kantis kaj penetris en la koron de l' Sankta patro kiel birdvoĉoj. Estis antaŭ kelkaj jaroj. Kiel bone li tion memoras! Kaj kiel li vidas ankoraŭ tiun paletan, junan sunbrilan monakon kun siaj bruetantaj kunuloj antaŭ li kaj petegi tiom gaje kvazaŭ li havus la bluan ĉielon en la okulo kaj anĝelon sur la lipoj.

Sed vi ĝenas la homojn per via almozpetado, suferas mizeron kaj ne povos elteni tion?

Permesu nin fari, Sinjor' Papo, ĝi certe sukcesos. Se sukcesas vivi al la nesciantaj birdoj, eĉ al pasero kaj fringeto kial ne ankaŭ al ni ruzesimplaj kreaĵoj?

Tiam Inocenco permesis. Kaj kiam la Simplecaj Fratoj malaperis kun la aero memoranta arbaron kaj kampon el la Marmora Salono de la Laterano; tiam sentis la Sankta Patro je la unua foje depost kiam li portis la blankan Papan silkon ke krom la krianta gloro de lia regado ekzistas ankoraŭ io alia: Simpleco de la Animo, la simpleco de Francisko, la Sankta Senhavulo.

Nun, kvazaŭ forigite el la mondo komplika, nerekta kaj malsincera, kaj troviĝante proksime al la morto, li sentis kvazaŭ hejmosopiron la venon de tiu ĉi simpleco. Arde kaj sopire li rigardis trans la alta lito al Assisi, kie la sanktulo dum jaroj vivis kun siaj kunuloj, la vera Adamo de nova mondo (kreaĵo).

Se nur venus tiu malriĉa Francisko kaj parolus al li iom de la anima paco, nun en tiuj kelkaj tiom gravaj momentoj. La korteganaro vidas, kiel fluas

la ŝvito de la frunto, malvarmeta, pala kaj kiel la okulo de l' papo serĉas ion, pene, malĝoje. Kion do li deziras?

Ĉu li deziras freŝan akvon, aŭ la episkopon Baldi aŭ la fidelan kortegan kaplanon?

Ne, Ne, nenion similan. Ah, se li nur povus voki tiun ununuran nomon!

Ĉu oni devus preĝi. La grandaj nigraj okuloj de l' filo de la Campagna diras „jes". Sed preĝi devus la granda sankta almozulo. Tio estus preĝo impona.

Oni preĝas ĉirkaŭata de flamantaj kandeloj el la antikvaj potencaj psalmoj. Kiel ĝi sonas ĉe la centa kanto: „Ne forprenu min el la mezo de miaj tagoj". Kaj denove ĉe la deknaŭa: „Jen ili venas per ĉaroj kaj ĉevaloj, sed mi, mi venas en la nomo de l' Sinjoro".

Sed ĉio tio ne liberigas. Inocenco preferus lingvon pli mildan, li ŝatus aŭdi la vorton — Figliuolo — tiom delikate uzata de la Sanktulo de Assisi kaj Padre kaj Patria, tiel kiel povis diri nur li, tiom hejmece kaj amike. Nekontentigite vagas liaj rigardoj kaj ĉiam revenas al la brilantaj muroj de l' urbeto Assisi.

Fine ekleziulo memoras ke mirinda Francisko troviĝas nuntempe en Perugia. Oni vidis lin ankoraŭ matene ludi kun almozuloj en la stratoj. Li estas frenezulo kaj sanktulo samtempe. Eble li povus helpi. Kaj eble estas tio kion serĉas tiom pene la mortanto. Ĉu ni serĉu la *Poverello'n,* Sankteca Moŝto?

La okuloj de l' papo brilegis pro ĝojo. Kaj arkidiakono de Sankta Lorenco kuregas tra ĉiuj stratoj de la urbo. Vane. Li serĉas en ĉiuj gastejoj. Superflue. Fine, fine li trovis la fraton en la korto de la hospitalo, donanta al kriplulo la supon kaj konsolanta lin per mildaj paroloj.

„Diru al la papo", sin turnis gaje Francisko al la prelato, „mi ne povas veni. Mi devas flegi la malsanulon. Nia pranda papo havas cent servistojn. Sed Lazaro tie, la blindulo havas neniun kiu lin servus bone kaj amike."

La Sankta Patro kviete kaj pacience aŭskultis tiun respondon kaj atendis. Kiam li pensis ke la blinda kriplulo estus bone servita, li denove sendis. Kaj tiam iris episkopo.

Denove oni serĉis tien kaj tie. Fine oni renkontis la sanktulon ĉe la malnova urbmuro ĉe la Porta Nella meze de aro da infanoj. Li disdonis al ili oranĝojn, figojn kaj panetojn ricevitajn per almozpetado. Dum ili manĝis kun bonega apetito per iliaj blankaj dentoj, Francisko rakontis al ili historietojn el la biblio. Li rakontis pri la potenca paŝtista knabo Davido, pri la knabo Simsono strangulinta leonon per siaj manoj. Kaj tiam pri la multe pli delikata, beleta kaj nekredeble ruza Danielo kaj pri la helharaj filoj de Makabeo, ridantaj pri fajro kaj akvo kiel pri ludiloj. Kaj ĉiam la aŭskultantoj malgrandaj aplaŭdis per la malpuraj manoj kriegantaj: „Bravo Davido! Bravo Danielo! bravissimo piccolo figlio Maccabeo!" petegantaj: „Ankoraŭ historieton, nur unu, Frato Francisko! Estas tiel belaj viaj rakontoj kaj kiel vi ĉion scias tiom bone. Ni volus imiti vin, tutcerte! Nu, kio estis kun la knabo Giovanni Battista?"

„Diru al la papo", interrompis nun Francisko la infanojn kaj kliniĝis modeste antaŭ la episkopo, „mi efektive ne povas veni nun. Mi devas instrui la infanojn. Nia Sankta Patro estas ja pli saĝa ol ĉiuj infanoj kaj maljunuloj. Li ne bezonas instruiston. Li estas ja la instruisto de la instruistoj. Kaj se li tamen volas akcepti saĝan parolon li ja tiam havas ĉirkaŭ si dekon da Doktoroj de Parizo kaj Bolonjo. Kaj nun karaj petolemaj infanoj, atentu kion mi rakontas al vi de la malgranda Battista . . ."

Dolore kuntiriĝis la buŝo de Inocenco je tia informo kaj atendis ĝis Francisko rakontis ĉiujn historietojn de potencaj sanktaj infanoj al la friponetoj peruĝiaj ĉe la urba muro. Li do valoris al la Frato malpli ol la blindulo en la hospitalo aŭ ia seneduka strata friponeto. Tio ja estas tre malĝojiga. Sed Inocenco humiliĝis kaj kredis, Francisko bone agas. Kaj kiam li opiniis ke la infanoj nun aŭdis sufiĉe da belaj historietoj tiam li sendis, jam preskaŭ sen spiro kaj korbato, por ke li venu. Urĝe, rapide. Francisko venu pro ĉio. La papo mortas. Estas ja io grandioza se vokas la estro de la eklezio. Tiufoje iris du kardinaloj en longaj ruĝaj purpurroboj.

Sed Francisko ne plu sin trovis ĉe la infanoj. Li jam estis en la ĝardeno de la riĉa Baglioni, promenante kvazaŭ estus lia posedaĵo. Kaj jen oni lin trovis ĉe vojeto, inter la altaj stangoj de la vinbero kaj konsoli araneton, al kiu li malatente detruis la ponton fermitan de ŝia reto de unu arbusto al alia. Malgaje la restoj de la retaro flirtis en la vento.

Francisko tiris el sia ĉifonita vestaĵo delikatajn maldikajn fadenojn tiom kiom li povis kaj klopodis zorge plekti ilin, ligi la finojn kaj permesi al la araneo transiri la vojon.

„Diru al la papo, ke mi devus vere rebonigi la domaĝon kaŭzitan al la araneo. La sankta patro ja ne bezonas min. Cent posteuloj atendas lian morton, por daŭrigi ŝpinadon en la retaro de Sankta Patro aŭ por fliki kiel ŝajnas bone al ili. Sed ci, eta araneto ci trovas centojn kiuj detruas cian teksaĵon, sed neniun kiu ĝin rebonigas. Tiam jam necesas ke ĝin faru la malsprita Francisko."

Kaj li daŭrigis, tiri fadenojn kaj plekti tirantaj ilin sur la foliaro, dum la araneo rigardis per centoj da brilaj dankemaj okuletoj la strangan helpanton.

Tiun ĉi fojon la senditoj ne kuraĝis reveni kaj diri, ke Francisko preferis aĉan insekton al la kronitulo de Dio. Ili do atendis, ĉu tirantaj ĉe la silkaj roboj kiam pasis heliko, aŭ forigantaj muŝon sidanta sin sur la ora kruco sur la brusto ĉar tiel brilis en la flava, dolĉa umbria suno. Tiam ili aŭdis al San Lorenco, ĉu eble oni sonorigas la mortsonorilo.

Fine Francisko aranĝis la retaron. La araneo dankis per plezura movado de la piedoj kaj forta brilado de la okuloj. „Ni iru nun", diris gaje Francisko, post kiam li sin orientiĝis ke nek kriplulo, nek infano nek besteto atendas lin por esti zorgata.

* * *

Dume Inocenco kuŝis en sia lito. Estis la sesa horo kaj la flava umbria suno brilis sur la papa krono. La juvelo flamis kiel dua suno kaj dronigis la salonon ĝis en la plej profunda angulo, en strangan aeron orumitan.

La papo aŭskultis je ĉiu paŝo sur la pavimo sub la fenestro. Subite li malfermis la okulojn kaj ridetis. De ĉiu alia piedo li distingis la malpezan frapon de la lignoŝuoj portataj de Francisko. Li jam spiris la odoron de arbaro kaj herbejo, plie la paradizan aeron ĉirkaŭ la Sanktulo. Liaj lipoj, palaj kaj molaj malfermiĝis kvazaŭ por saluti. Sed sur la sojlo Francisko restis subite tenantaj la manojn kvazaŭ blindumita antaŭ la vizaĝo kaj diris: „Sinjor' Papo, tie mi ne povas eniri!"

Oni vokis, puŝis, instigis. Kion signifas tio ĉi. Kial li nun ludas la strangulon? Ĉu tio estas la humileco de l' servanto de Dio, konduti tiel? Kial, kial do li ne povos eniri?

„Min blindigas la mondo tie ĉi", simplanime respondis la Poverello.

Tiam oni forprenis de la papo la kronon kaj estis kiel krepusko en la salono. Francisko povis eniri. Li kliniĝis antaŭ la papo sur ambaŭ genuojn kiel infano. Kaj Inocenco ridetis tiom kontenta kiom li ne faris depost la venkinformo pri Tolosa. Ŝajnis al li Ĥerubimo troviĝu ĉe lia flanko. Francisko komencis:

„Multfeliĉa, Sankta Patro, nun vi diros: Adiaŭ Mondo! Sed tie ĝi ankoraŭ bruas kaj ĉirkaŭas vin, tiel ke la ĉielo ne povos bone atingi vin". Parolis kaj deprenis al la papo ĝoje lin rigardanta la silkan robon, la oran ĉenon kaj eĉ la larĝan, orumitan pezan stelon. Ĉiuj rigardis kaj protestis pro tiu faro sed tamen neniu kuraĝis kontraŭagi. Sed Francisko ĵetis sian brunan mantelon, polvoplenan pro la migradoj ĉifonitan de la tempo kaj metis ĝin super la ŝultro kaj brusto de l' papo.

La du sin rigardis longe en la okulojn kaj tra tiuj plej malfermitaj fenestroj en la animon plej profundan, la plej supera estro kaj la plej malsupera servisto sur la tero — kaj ambaŭ sin komprenis.

„Parolu do al li", ordonis la Kardinal-episkopo de Ostia. „Ĉian bonon li deziras."

„Pri la batalo ĉe Ravas de Tolosa parolu al li! Centmil mortintaj herezuloj! Diru tion!" kriis la grafo de Benevent.

„Aŭ pri la krucmilito al Bizantio!" opiniis flandra barono.

Sed Francisko tiris per delikataj fingroj kelkajn araneo-fadenojn el sia barbo kaj metis ilin sur la brunan, buklan haron malsekigitan pro la ŝvito. Tiom pie li tion faris kvazaŭ la fadenoj estus la plej glora en la mondo.

„Vidu, Sinjor' Papo", parolis li libere, „restas nenio al vi de la tuta Romo kaj de la imperio. Jes, de ĉiu plektado kaj teksado kaj zorgado pri Alpoj kaj Maroj restas al vi malpli ol eĉ al mia fratino araneo tie en la vinberejo.

„Ne tiel parolu", plende parolis la kavalira episkopo de Pisa. „Pri la anatemoj parolu al li, kiuj iris trans la Gothardon en la teŭtonan neĝon; de la konsolitaj reĝinoj en Parizo kaj Leon kaj pli da similaĵoj! Tio sonas tiom bone por la morto kiom por la vivo.

„Kaj tamen", daŭrigis Francisko gaje, ne atentante la korteganaron, „restis al vi io bonega kaj nome la plej bona, sinjor' papo: la nura malriĉeco . . . Jen prenu tiun oron de araneo-fadeno! Tiom malriĉa vi estas. Almozulo en Trastevero kontraŭe estas riĉulo."

„Fino! pri la koncilio en Laterano rakontu!" admonis la guberniestro de Spoleto.

„De l' milito kontraŭ la senkreduloj!" fervore intervenis la juna kuzo de Montfort.

Sed Francisko vidis la kreskantan animĝojon de la Sankta patro kiel helan Suntagon sur la frunto kaj babilis senĝene: „Forgesu, kion tie fabulas viaj sinjoroj. Revenu prefere al via juneco. Tiam ci skribis", li komencis diri ci, „libreton, kara frato, ĉu ci memoras?" Nun ne plu estis esprimo politika kaj ŝtatvira en la vizaĝo de la papo. Juna, milda rideto forigis la malmolecon de tiu ĉi marmora kapo. Kiel infano li aspektis, la granda Inocenco.

Ĉar li revidis sin kiel fervoran, frumaturan knabon, forkurantan de la vino kaj de la Trubadura muziko en la gepatra palaco, en la vinberejoj de la kastelmonteto de Segni kaj pripensi, kio pli valorus ol pokalo da vino, amkanto kun harfo kaj kolora sed tamen melankolia danco de la Campagna. Kaj plie li revidis sin nokte en la biblioteko de la patro, studantan Ecclesiastes, ĝis la kandelo jam estingiĝis kaj liaj nobelaj kunuloj iris hejmen, lacaj de la plezuroj.

Li sin vidis en la malhelo kaj pripensis kie sin instruis la genio de ĉiuj epokoj kaj tempoj. Esti simpla! Kaj la mortanto bone memoris, kiel li tiam en arda fervoro komencis porti ordinaran vestaĵon, manĝi la plej simplan kaj trinki, nur tiom kiom necesas por vivi. Rifuzi la altajn molajn seĝojn kaj skribi verketon: „De Contemptu Mundi“ (Pri la malkonsidero de ĉio tera). Ha, li scias ke li neniam estis plu tiom feliĉa kiel tiutempe dum la korbatanta skribado de tiuj linioj. Ili igas lin nun pli feliĉa el la glora epoko de lia pontifikeco. Jam ne plu estis tera gajeco, estis alia, terfremda suno, kiu brilis sur lia paliĝanta vizaĝo.

„Ĉe ĉiuj filoj de la malriĉeco kaj ĉe ĉiuj filinoj de la sankta simpleco“, diris Francisko cia libreto valoras. „Ciaj ŝtatdokumentoj finbruas kaj kuŝos mute en la arkivoj kiel kadavroj en la ĉerko. Sed via libreto restas, tiom longe la vojo iros de la polvo al la spirito kaj de la tero al la ĉielo tra la sankta pordo de la malriĉeco!“

Inocenco kuŝis kvazaŭ en ekstazo.

„Finu do tiun vojon, sinjor' papo kaj sinjor' almozulo. Iru en paco! Pro tiu ĉi libreto kaj pro ĝia trankvileco multe da bruo estas pardonita al ci.“

Tiam Francisko prenis la manon jam malvarmiĝintan de l' papo, tiel kiel oni salutas amikon, intencantan entrepreni longan vojaĝon, ke li volus pro la fratamo kunpreni nin el la teda enuo en la helan, mirindan vojon for de la mondo.

La svelta korpo de la papo subite moviĝis; arĝenta lumo ŝvebis tra la salono, li malfermis la buŝon kaj gaje elspiris. Neniu estus kredinta laŭ lia hela mieno ke la morto jam venis kaj supozinta kadavron, se ne Francisko estus sin turninta al la korteganaro kaj estus dirinta preskaŭ gajece: „Vidu tie nian karan sinjor' Papon. Li nenion lasis al sia posteulo ol tiun ĉi rideton sur la frunto kaj tiujn kelkajn araneo-fadenojn en la haroj. Sed tio ja sufiĉas.“

Kaj kun sama gajeco kaj samaj ĝentilaj manoj servintaj antaŭe la blindulon, karesintaj la stratbubojn kaj helpintaj la araneon, li fermis la buŝon al la mortinto kaj ŝercis: „Restu nun trankvila, ci sufiĉe bruis.“

Konfuzo kaj kurado en la palaco kaj en la urbo Perugia. Super la kadavro funebra sonorado, ĉevalgalopado kaj la laciga ŝvitiga negocado de nova elekto. Kaj en tiu ĉi grandega bruo nur kelkaj piuloj rimarkis la flugon de nekonata kolombo sidiĝinta ĉe la kapo de la mortinta papo en preĝejo San Lorenco, tute same dum la tempo kiam elektiĝis la junulo al la papeco.

Kiam Francisko vespere kaj malfrue eniris la monakejon de Assisi li diris: „Nia kara frato Inocenco jen mortis en tiu ĉi mantelo kaj gajnis la pacon.“

Tiam alkuris la fratoj kaj kisis la brunan krudan tukon, kaj intencis tuj ekkanti la Requiem aeternam por la mortinto. Sed Francisko finis: Preĝu nur por la kompatinda animo de la — nova papo.

Trad. *H. J.*

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

## Novaj libroj

**La Sankta Biblio.** Malnova kaj Nova Testamentoj. 1926. Brita kaj alilanda Biblia Societo, Londono. Nacia Biblia Societo de Skotlando, Edinburgo kaj Glascovo. La malnova Testamento el la hebrea originalo tradukis *Lazaro Ludoviko Zamenhof.* 998 paĝoj, 13 × 18½ cm. Prezo, laŭ papero kaj bindaĵo: 6 sh., 8½ sh., 12½ sh, 1 £ (7,50, 10,65, 15,75, 25 sv. fr.)

**Je la Nomo de l' Vivo.** Filozofi-lirikaj fragmentoj. *E. Izgur.* 1927. Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstrasse $1^{III}$, Leipzig. 220 paĝoj, 13½ × 18 cm. Prezo br.: 2 germ. mk.

**Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj.** *I. Al. Bratescu-Voinesti.* El la Rumana tradukis *T. Morariu.* 1927. Biblioteko Tutmonda N-ro 10. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. 64 paĝoj, 11½ × 17 cm. Prezo; 1 N-ro 0,50 germ. mk. 1 serio = 10 N-roj 4,— germ. mk.

**La Patro revenas. Kan Kikuĉi.** El la Japana tradukis *Hirokazu Kaji.* Biblioteko de Japana Literaturo N-ro 1. 1927. Esperanto-Kenkju-ŝa, Tokio. 32 paĝoj, 11½ × 16 cm. Prezo afr.: 0,35 jen.

**Esperantista Himno.** Preĝo sub la verda standardo. Poemo de *D-ro Zamenhof.* Muziko de *Josefo Seva.* 1926. Ĉe Julio Mangada Rosenörn, Glorieta de Bilbao 5, Madrid. 4 paĝoj, 25 × 34 cm. Prezo: 1 sv. fr.

**De Alpoj al la Maro, Mantova.** Kajero II. Kompilita de Mantova Esperanta Grupo. Eld. A. Paolet, S. Vito de Tagliamento, Italio. 32 paĝoj, 16½ × 24 cm. Prezo: 3,50 L.

**La Vero pri Suda Tirolo.** 1918—1926. *Hans Fingeller.* Esperantigis Sud-Tirolano. 1927. Eldonita kaj publikita de la aŭtoro. 52 paĝoj, 15 × 23 cm. Senpaga.

**Datoj kaj Faktoj pri la Paca Movado** de *Anna T. Nilsson.* 1926. Eldono de la verkistino, Malmö, Svedio. 48 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 1 kr.

**A. B. C. de Esperanto.** *Yoshi H. Ishiguro.* 1926. Kokusaigo Kenkju-ŝa, Tokio. 40 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo afr.: 0,22 jen.

**Esperanto-Poŝkalendareto por Bulgaroj.** 1927. Esperanto-Societo „Solidareco“, Ruse (Rusĉuko). 64 paĝoj, 7½ × 11½ cm. Prezo: 10 leva.

* * *

**Sankta Biblio. — Je la nomo de l' vivo. — Biblioteko Tutmonda. — Diversaj verketoj.**

Niaj gazetoj jam priparolis tiun gravan fakton: *Biblio* kompleta aperis en Esperanto. Oni solenis tion en Edinburgo. La komitato pri tio zorginta konigis la malfacilaĵojn de sia laboro kaj la helpojn ricevitajn por elektivigo de sia tasko. Nun kuŝas

antaŭ ni la rezultato de tiom longa traduka laboro de nia Majstro, de jaraj penigaj klopodadoj de la Biblia komitato. Oni ne povas postuli de ĵurnala recenzanto, ke li legu preskaŭ mil paĝojn kaj elĉerpu ĉiujn mankojn. Laŭ vido, ekstero, papero, preso, bindaĵoj estis zorge elektitaj. Tralego montras stilon klaran, bone kompreneblan, korektan; lingvaj strangaĵoj estas tre maloftaj, tre malmultnombraj la preseraroj; la ĝenerala simpleco de l' frazoj estas oportuna, kiel ankaŭ la malofteco de neologismoj. Pruvas la bonegan laboron de l' komitato la multaj korektoj faritaj en la teksto de Novatestamento, kiu altgrade pliboniĝis de sia unua eldono. Ĉar Biblio fariĝis komuna propraĵo literatura de multaj popoloj, ĉar ties anoj lernis el ĝi dum siaj junjaroj, ĉar pri ĝi oni tiel oftege aludas, certe estos, ke la Esperanta traduko ankaŭ ludos gravan rolon por provizi nian popoleton per taŭgaj komparoj, citaĵoj, por unuecigi la stilon de niaj aŭtoroj. Kompetentuloj povos serĉi ĉu, pro aparta fleksebleco de nia lingvo, aŭ pro la plifunda scio de l' hebrea lingvo, Zamenhof eble multloke superis la naciajn tradukintojn; oni tion ekkredus konstatante ĉe multaj biblieroj diferencon inter la tradicia formo kaj tiu de l' Esperanta traduko. Eble iam, malmultnombraj gentoj, ne jam posedantaj sian tradukon, preferos la Esperantan pli ol iu alinacian? Tre diverscele oni utiligos tiun grandan verkon; al Zamenhof, al la laborintoj en la Biblia komitato, sin turnas dankeme nia samideanaro pri la riĉa donaco ricevita.



7. 10—8. 18 I. KRONIKO

patrodomoj, estis dudek mil ducent batalkapabluloj. 10 La idoj de Jediael: Bilhan; la idoj de Bilhan: Jeuŝ, Benjamen, Ehud, Kenaana, Zetan, Tarŝiŝ, kaj Aĥiŝaĥar. 11 Ĉiuj ili estis la idoj de Jediael, laŭ patrodomoj, batalkapabluloj, dek sep mil ducent armitaj por milito. 12 Ŝupim kaj Ĥupim, idoj de Ir; Ĥuŝim, idoj de Aĥer.

13 La filoj de Naftali: Jaĥciel, Guni, Jecer, kaj Ŝalum, filoj de Bilha.

14 La filoj de Manase: Asriel, kiun naskis lia kromvirino, Sirianino; ŝi naskis ankaŭ Maĥiron, la patron de Gilead. 15 Maĥir prenis edzinon el la domanaro de Ĥupim kaj Ŝupim; la nomo de lia fratino estis Maaĥa. La nomo de la dua estis Celofĥad. Celofĥad havis nur filinojn. 16 Kaj Maaĥa, la edzino de Maĥir, naskis filon kaj donis al li la nomon Pereŝ; la nomo de lia frato estis Ŝereŝ; liaj filoj estis Ulam kaj Rekem. 17 La filo de Ulam estis Bedan. Tio estas la filoj de Gilead, filo de Maĥir, filo de Manase. 18 Lia fratino Moleĥet naskis Iŝ-Hodon, Abiezeron, kaj Maĥlan. 19 La filoj de Ŝemida estis: Aĥjan, Ŝeĥem, Likĥi, kaj Aniam.

20 La idoj de Efraim: Ŝutelaĥ, kaj lia filo Bered, kaj lia filo Taĥat, kaj lia filo Eleada, kaj lia filo Taĥat, 21 kaj lia filo Zabad, kaj lia filo Ŝutelaĥ, kaj Ezer, kaj Elead. Kaj mortigis ilin la loĝantoj de Gat, la indiĝenoj de la lando, kiam ili iris, por forpreni iliajn brutojn. 22 Kaj ilia patro Efraim funebris longan tempon, kaj liaj fratoj venis, por konsoli lin. 23 Kaj li envenis al sia edzino, kaj ŝi gravediĝis kaj naskis filon, kaj donis al li la nomon Beria, ĉar malfeliĉo okazis en lia domo. 24 Lia filino estis Ŝeera. Ŝi konstruis Bet-Ĥoronon, la malsupran kaj la supran, kaj Uzen-Ŝeeran. 25 Kaj lia filo estis Refaĥ, lia filo estis Reŝef, lia filo estis Telaĥ, lia filo estis Taĥan, 26 lia filo estis Ladan, lia filo estis Amihud, lia filo estis Eliŝama, 27 lia filo estis Nun, lia filo estis Josuo. 28 Ilia posedaĵo kaj loĝloko estis Bet-El kaj ĝiaj filinurboj, oriente Naaran, okcidente Gezer kun ĝiaj filinurboj, kaj Ŝeĥem kun ĝiaj filinurboj, ĝis Aza kun ĝiaj filinurboj; 29 ĉe la flanko de la Manaseidoj: Bet-Ŝean kun ĝiaj filinurboj, Taanaĥ kun ĝiaj filinurboj, Megido kun ĝiaj filinurboj, Dor kun ĝiaj filinurboj. En tiuj lokoj loĝis la idoj de Jozef, filo de Izrael.

30 La filoj de Aŝer: Jimna, Jiŝva, Jiŝvi, Beria; ilia fratino estis Seraĥ. 31 La filoj de Beria: Ĥeber, kaj Malkiel, kiu estis la patro de Birzait. 32 Ĥeber naskigis Jafleton, Ŝomeron, Ĥotamon, kaj Ŝuan, ilian fratinon. 33 La filoj de Jaflet: Pasaĥ, Bimhal, kaj Aŝvat. Tio estas la filoj de Jaflet. 34 La filoj de Ŝemer: Aĥi, Rohaga, Jeĥuba, kaj Aram. 35 La filoj de lia frato Helem: Cofaĥ, Jimna, Ŝeleŝ, kaj Amal. 36 La filoj de Cofaĥ: Suaĥ, Ĥarnefer, Ŝual, Beri, Jimra, 37 Becer, Hod, Ŝama, Ŝilŝa, Jitran, kaj Beera. 38 La filoj de Jeter: Jefune, Pispa, kaj Ara. 39 La filoj de Ula: Araĥ, Ĥaniel, kaj Ricja. 40 Ĉiuj ĉi tiuj estis idoj de Aŝer, ĉefoj de patrodomoj, elektitaj, kuraĝaj militistoj, ĉefaj estroj. Ili estis enskribitaj en la genealogia listo, en la militistaro, por milito; ilia nombro estis dudek ses mil viroj.

8 DE Benjamen naskiĝis: Bela, lia unuenaskito, Aŝbel, la dua, Aĥraĥ, la tria; 2 Noĥa estis la kvara, kaj Rafa estis la kvina. 3 La filoj de Bela estis: Adar, Gera, Abihud, 4 Abiŝua, Naaman, Aĥoaĥ, 5 Gera, Ŝefufan, kaj Ĥuram. 6 Jen estas la filoj de Ehud, kiuj estis ĉefoj de patrodomoj, kiuj loĝis en Geba kaj elmigris en Manaĥaton: 7 Naaman, Aĥija, Gera; ĉi tiu elmigrigis ilin, kaj li naskigis Uzan kaj Aĥihudon. 8 Ŝaĥaraim naskigis sur la kampoj de Moab, post kiam li forigis de si siajn edzinojn Ĥuŝim kaj Baara. 9 Li naskigis de sia edzino Ĥodeŝ: Jobabon, Cibjan, Meŝan, Malkamon, 10 Jeucon, Ŝoĥjan, kaj Mirman. Tio estis liaj filoj, ĉefoj de patrodomoj. 11 De Ĥuŝim li naskigis Abitubon kaj Elpaalon. 12 La filoj de Elpaal: Eber, Miŝeam, kaj Ŝemer; ĉi tiu konstruis Onon kaj Lodon kaj ĝiajn filinurbojn; 13 kaj Beria, kaj Ŝema. Ili estis la ĉefoj de patrodomoj de la loĝantoj de Ajalon; ili elpelis la loĝantojn de Gat. 14 Aĥjo, Ŝaŝak, Jeremot, 15 Zebadja, Arad, Eder, 16 Miĥael, Jiŝpa, kaj Joĥa estis la filoj de Beria. 17 Zebadja, Meŝulam, Ĥizki, Ĥeber, 18 Jiŝmeraj, Jiz-

354

I. KRONIKO 8. 19—9. 25

lia, kaj Jobab estis la filoj de Elpaal. 19 Jakim, Ziĥri, Zabdi, 20 Elienaj, Ciltaj, Eliel, 21 Adaja, Beraja, kaj Ŝimrat estis la filoj de Ŝimei. 22 Jiŝpan, Eber, Eliel, 23 Abdon, Ziĥri, Ĥanan, 24 Ĥananja, Elam, Antotija, 25 Jifdeja, kaj Penuel estis la filoj de Ŝaŝak. 26 Ŝamŝeraj, Ŝeĥarja, Atalja, 27 Jaareŝja, Elija, kaj Ziĥri estis la filoj de Jeroĥam. 28 Tio estis la ĉefoj de patrodomoj, ĉefoj laŭ siaj generacioj; ili loĝis en Jerusalem. 29 En Gibeon loĝis: la fondinto de Gibeon—la nomo de lia edzino estis Maaĥa— 30 kaj lia unuenaskita filo Abdon, Cur, Kiŝ, Baal, Nadab, 31 Gedor, Aĥjo, kaj Zeĥer. 32 Miklot naskigis Ŝiman. Ankaŭ ili apud siaj fratoj enloĝiĝis en Jerusalem kun siaj fratoj. 33 Ner naskigis Kiŝon, Kiŝ naskigis Ŝaulon, Saul naskigis Jonatanon, Malki-Ŝuan, Abinadabon, kaj Eŝbaalon. 34 La filo de Jonatan estis Merib-Baal, kaj Merib-Baal naskigis Miĥan. 35 La filoj de Miĥa estis Piton, Meleĥ, Taarea, kaj Aĥaz. 36 Aĥaz naskigis Jehoadan; Jehoada naskigis Alemeton, Azmaveton, kaj Zimrin; Zimri naskigis Mocan. 37 Moca naskigis Binean; lia filo estis Rafa, lia filo estis Eleasa, lia filo estis Acel. 38 Acel havis ses filojn; jen estas iliaj nomoj: Azrikam, Boĥru, Iŝmael, Ŝearja, Obadja, kaj Ĥanan. Ĉiuj ĉi tiuj estis la filoj de Acel. 39 La filoj de lia frato Eŝek: lia unuenaskito estis Ulam, la dua estis Jeuŝ, kaj la tria estis Elifelet. 40 La filoj de Ulam estis kuraĝaj militistoj, pafarkistoj, kaj ili havis multe da filoj kaj nepoj: cent kvindek. Ĉiuj ĉi tiuj estis el la Benjamenidoj.

9 ĈIUJ Izraelidoj estis kalkulitaj, kaj ili estas enskribitaj en la libro de la reĝoj de Izrael. La Judojn oni forkondukis en Babelon pro iliaj malbonagoj. 2 La unuaj loĝantoj, kiuj loĝis en siaj posedaĵoj, en siaj urboj, estis Izraelidoj, pastroj, Levidoj, kaj Netinoj. 3 En Jerusalem loĝis parto de la idoj de Jehuda, de la idoj de Benjamen, kaj de la idoj de Efraim kaj de Manase: 4 Utaj, filo de Amihud, filo de Omri, filo de Imri, filo de Bani, el la idoj de Perec, filo de Jehuda; 5 kaj el la Ŝiloanoj: Asaja, la unuenaskito, kaj liaj filoj; 6 el la idoj de Zeraĥ: Jeuel, kaj iliaj fratoj, sescent naŭdek; 7 el la Benjamenidoj: Salu, filo de Meŝulam, filo de Hodavja, filo de Hasenua, 8 kaj Jibneja, filo de Jeroĥam, Ela, filo de Uzi, filo de Miĥri, kaj Meŝulam, filo de Ŝefatja, filo de Reuel, filo de Jibnija; 9 kaj iliaj fratoj laŭ sia deveno, naŭcent kvindek ses. Ĉiuj ĉi tiuj estis ĉefoj de patrodomoj en siaj patrodomoj.

10 Kaj el la pastroj: Jedaja, Jehojarib, Jaĥin; 11 Azarja, filo de Ĥilkija, filo de Meŝulam, filo de Cadok, filo de Merajot, filo de Aĥitub, estro en la domo de Dio; 12 kaj Adaja, filo de Jeroĥam, filo de Paŝĥur, filo de Malkija, kaj Maasaj, filo de Adiel, filo de Jaĥzera, filo de Meŝulam, filo de Meŝilemit, filo de Imer; 13 kaj iliaj fratoj, ĉefoj de siaj patrodomoj, mil sepcent sesdek, tre lertaj en la laboro de la servado en la domo de Dio. 14 El la Levidoj: Ŝemaja, filo de Ĥaŝub, filo de Azrikam, filo de Ĥaŝabja, el la idoj de Merari; 15 kaj Bakbakar, Ĥereŝ, Galal, Matanja, filo de Miĥa, filo de Ziĥri, filo de Asaf, 16 Obadja, filo de Ŝemaja, filo de Galal, filo de Jedutun, Bereĥja, filo de Asa, filo de Elkana, kiu loĝis en la vilaĝoj de la Netofaanoj. 17 Kaj la pordegistoj: Ŝalum, Akub, Talmon, Aĥiman, kaj iliaj fratoj; Ŝalum estis la ĉefo. 18 Kaj ĝis nun ĉe la reĝa pordego, oriente, ili estas pordegistoj el la anaro de la Levidoj. 19 Ŝalum, filo de Kore, filo de Ebjasaf, filo de Koraĥ, kaj liaj fratoj el lia patrodomo, la Koraĥidoj, laŭ sia ofico estis gardistoj de la sojloj de la tabernaklo, kiel iliaj patroj ĉe la restejo de la Eternulo estis gardistoj de la eniro. 20 Pineĥas, filo de Eleazar, en la antaŭa tempo estis ilia estro, kaj la Eternulo estis kun li. 21 Zeĥarja, filo de Meŝelemja, estis pordisto ĉe la tabernaklo de kunveno. 22 La tuta nombro de tiuj, kiuj estis elektitaj kiel pordegistoj ĉe la sojloj, estis ducent dek du. Ili estis enregistritaj laŭ siaj vilaĝoj. Ilin starigis David, kaj Samuel, la antaŭvidisto, pro ilia fideleco. 23 Ili kaj iliaj filoj estis gardistoj de la pordegoj en la domo de la Eternulo, la domo de la tabernaklo, laŭ deĵoroj. 24 Ĉe la kvar flankoj estis la pordegistoj: oriente, okcidente, norde, kaj sude. 25 Iliaj fratoj estis en siaj vilaĝoj,

355

(Reproduktaĵo el la Biblio)

*

Ruĝa kovrilo, simbola titolo: *Je la nomo de l' vivo,* nekonata aŭtoro: E Izgur, originalaĵo en Esperanto kun subtitolo: filozofilirikaj fragmentoj, ĉio tio unue iom suspektemigas la legonton. Sed la leginto devas konfesi, ke li ekkonis verkon, kies idearo kaj stilo estas valoraj. Ĉu sciencan bazon havas tiu sintezo de modernaj konceptoj, tiu vojaĝo imaga en la estontecon, kaj ĉefe tiu celo proponata al la homo: senmorteco? eble ne. Prefere la diversaj konsideroj pri nuntempa societo, pri scienca progreso, pri lukto homa kontraŭ naturfortoj, pri epoko de mekaniko, estas pripensiga eposo. La lingvo estas ofte poezia, kun originalaj komparoj: „La ĝibego de travivitaj suferoj, kiel peza ŝtono de jaroj kuŝis sur lacigitaj flugiloj de mia animo. Eterna fulgo de sennombraj tuboj pendas super la nesto de suferoj kaj velkado — nomata urbo.“ La forigo de l' finiĝo: o ne malplaĉas, kontraŭe. Legu laŭte tiajn frazojn kaj vi tion jesos: „Ne estas plu rido, ne estas viglec', forestas vivĝojo. Kaj ĉu povas ili esti, se premas la jug' de peza sklaviga labor'; Se kune mizer', miloj da malsanoj sieĝas la korpon; Se lumstri' de l' konscio estingiĝas en mallum' de l' mizero; Se feliĉo, ĝuado, komforto kaj gajo de l' viv' estas nur monopol' de l' malmultaj.“ Oni ne miru se la verko defendas la nunan Ruslandan reĝimon; oni ne ofendiĝu pro laŭdoj al revolucia sento, pro akraj kritikoj al kapitalismo, aŭtoritato, religio: ja ĉiu rajtas pledi sian kredon; cetere, se ne estas maldece ripeti vortludon de Schwarz en Verdkata Testamento, oni povus diri, ke en tiu tendenca verko estas pli rev' ol vero! Konklude la verko de Izgur estas unu el tiuj maloftaj, kiuj elmerĝas el maro da senkoloraj, sensukaj presaĵoj: oni ne preterpasu ne aŭskultinte tiun emocian krion al pli feliĉa estonta epoko.

*

Kun *Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj,* traduko el la Rumana lingvo, finaperas la deka volumo, la lasta de serio unua el Biblioteko Tutmonda. Certe la aĉetintoj ne bedaŭris sian mendon; ni esperu, ke la spertoj flanke de la eldoninta firmo estas ankaŭ tiel favoraj, ke ĝi regule daŭrigos la kolekton. Bratescu-Voineşti estas spertulo en verkado de rakontoj; la unua el la libreto: Niĉjo Mensogulo, estas perlo inter la ĉiam emociigaj pentroj de la infana animo, kiujn ĉiu literaturo posedas. Post lego, oni ne plu forgesos tiun naivulon, tro honestan, ĉie mokatan, kiun fine amuzaj, sed ankaŭ kruelaj miskomprenoj, kondukas al memmortigo. Ebriuloj, birdoj, maljuna oficisto, malriĉa infano aperas en la aliaj tekstoj ankaŭ karakterplenaj. Oni konscias, ke la traduko estas tre fidela kaj sukcese redonas la kvalitojn de l' verko mem.

*

Diversaj arioj estis komponitaj por nia himno aŭ por La Vojo. Nun ankaŭ la bela *Preĝo sub la verda standardo* estos kantebla laŭ *muziko* de Josefo Seva. Kun marŝa ritmo, bona akompanaĵo, tiu kanto estas belsona kaj povus fariĝi populara, se malfacila tonŝanĝo ne iom danĝerigus sol- kaj eĉ ĥorkantadon de nespertuloj.

Tradukojn el oriento ni ĉiam interese eklegas. *La Patro revenas* estas unua numero de Biblioteko de Japana Literaturo. Unuakta drameto, lukto inter malestimo kaj amo al malinda patro en filanimo. Nek la temo, nek la lingvo de tiu libreto, estas speciale atentindaj.

*Mantova,* dua kajero de: De Alpoj al la Maro, detale per vortoj kaj bildoj informas pri ĉiuj vidindaĵoj, monumentoj, muzeoj, artaĵoj de tiu urbo. Ĝi aperas okaze de la festoj per kiuj oni inaŭguris monumenton al Virgilio, la Mantova cigno.

*La Vero pri Suda Tirolo* pledas kontraŭ maljusta traktado de Itala registaro al germanlingvaj popolanoj loĝantaj en regiono akirita de Italujo post la milito. Suferoj de premegitaj anaroj estas ĉiam korstreĉe aŭdataj ĉar kontraŭnaturaj. Kompreneble ne estas ĉi tie taŭga loko por ekzameni la pravecon de l' plendo, sed nur por signi la libreton al interesatoj kaj konstati, ke ĝi estas tre bone tradukita.

Bona unua lernolibro por Japanoj estas la *A. B. C. de Esperanto,* kiu koncize donas ĉion necesan por ekkoni nian lingvon.

14 Majo 1927. *G. S.*

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# Plia jubilea sukceso!
## Oficialaj Esperanto-poŝtkartoj de Danzig.

★

Okaze de nia nunjara Universala Kongreso la Poŝta Direkcio de la Libera Urbo Danzig eldonis oficialajn poŝtkartojn kun enpresita marko kaj esperantlingvaj tekstoj. La kompleta serio konsistas el 22 kartoj (11 enlandaj 10-pfenigaj kaj 11 eksterlandaj 20-pfenigaj), surhavantaj adresflanke vidaĵojn el Danzig kaj titolon




Temas pri plena serio de 22 diversaj kartoj (11 enlandaj, 11 eksterlandaj), kiuj surhavas adresflanke vidaĵojn de Danzig kaj titolon de nia XIX-a Universala Kongreso.

La Poŝta Direkcio, dankinde esprimante al ni sian simpation por nia afero, samtempe rekonas per tio la praktikan utilecon de Esperanto.

Tiu ĉi grandioza jubilea sukceso estas ŝuldata al la interveno de l' L. K. K. kaj ĉefe al la modela kaj laŭcela penado de S-ro Andreo Ĉe, sekretario de I. C. K., kiu laŭ invito de l' L. K. K. okupas sin pri la preparoj de l' Kongreso en Danzig.

Estas sen ia dubo, ke tiu ĉi eldono signifas pluan paŝon antaŭen al la ĝenerala, praktika uzo de Esperanto en la kampo de l' poŝto.

I. C. K. petas ĉiujn esperantistojn vasten disvastigi tiun ĉi ĝojigan fakton kaj sendi gazet-eltranĉaĵojn por speciala celo rekte al la L. K. K. de Danzig.

*

Pri la sama afero ni ripetas la komunikon de la L. K. K.:

Okaze de nia kongreso la Poŝta Direkcio de la Libera Urbo de Danzig eldonis siajn *oficialajn poŝtkartojn* kun enpresita poŝtmarko ankaŭ kun Esperanto-lingvaj tekstoj. La kompleta serio konsistas el 22 kartoj (11 enlandaj 10-pfenigaj kaj 11 eksterlandaj 20-pfenigaj), surhavantaj adresflanke vidaĵojn el Danzig kaj titolon de nia kongreso. Ĉar supozeble ĉiu kongresano deziros havi seriojn de tiu unikaĵo, kies eldonkvanto estas limita, ni volonte plenumas mendojn laŭ la jenaj kondiĉoj:

**Maniero 1.** Kompleta serio tuj sendata registrite en fermita koverto. Por Aŭstrio, Germanujo kaj Polujo: 4,30 guldenoj, por aliaj landoj: 5,— guldenoj.

**Maniero 2.** Kompleta serio, ĉiu karto aparte ekspedita kaj stampita per speciala poŝta reklamstampilo por nia kongreso, por ĉiu lando (je la risko de la mendinto): 4,50 guldenoj.

**Maniero 3.** Kompleta serio rezervita por la mendinto kaj transdonota al li kun la kongresa dokumentaro: 3,60 guldenoj.

**Mendojn ne konformajn al la cititaj manieroj ni ne plenumos!**

La monon oni sendu per poŝtmandato aŭ registrita letero al Esperanto-Kongreso en Danzig. Ni akceptas bankbiletojn, respondkuponojn de UEA kaj poŝtajn respondkuponojn. Unu poŝta respondkupono en Danzig valoras 0,35 guldenojn.

La guldeno de Danzig egalvaloras la svisan frankon.

En la kongreseja poŝtoficejo oni uzos *specialan stampilon* kongresan.

Loka Kongresa Komitato

# 19. Universala Kongreso de Esperanto
## Danzig, 28 Julio — 4 Aŭgusto 1927

**Kongresa Pilgrimo al Varsovio.**

Plenumante la deziron de multaj partoprenontoj de la XIX-a kaj en interkonsento kun la I. C. K. en Ĝenevo, la LKK decidis okazigi la solenan ferman kunsidon de la kongreso en Varsovio la 5-an de Aŭgusto, anstataŭ en Zoppot la 3-an de Aŭgusto, kiel tion antaŭvidis la provizora programo.

**El Finnlando kaj Svedlando**

specialan ŝipon klopodas aranĝi malkare S-ro Vilho Setälä, Uudenmankatu 10, Otava, Finnlando.

**Veturo de Baltlandanoj.**

Kongresanoj el Estlando, Latvio kaj Litovio povas veturi al Danzig:

a) Per fervojo tra Orientprusujo. La germana regna fervojaro donas rabaton de 25% al karavanoj, kiuj havas almenaŭ 20 anojn. Pli detalan informon pri tio laŭ peto sendos LKK. Por tiu veturo germana vizo estas necesa kaj ĝi kostas por Baltlandanoj por unufoja traveturo (validas 3 tagojn) 3.50 sv. fr., por dufoja traveturo (iro kaj reveno, validas dum du monatoj) 6 sv. fr.

Veturprezoj:
de Tallinn (Reval) ĝis Danzig: 2-a klaso 97.—, 3-a klaso 59.— sv. fr.,
de Riga ĝis Danzig: 2-a klaso 80.—, 3-a klaso 46.— sv. fr.,
de Tilsit ĝis Danzig: 2-a klaso 36.60, 3-a klaso 24.20 sv. fr.

b) Per la vaporŝipo „Baltara" de United Baltic Corporation Ltd., kiu forveturos el Klaipeda (Memel) la 27 Julio tagmeze, el Liepaja (Libau) la 28 Julio posttagmeze kaj alvenos en Danzig la 29 Julio matene. Prezoj:
de Klaipeda al Danzig: 2-a klaso 39.40, 3-a klaso 26.25 sv. fr.,
de Liepaja al Danzig: 2-a klaso 65.65, 3-a klaso 52.50 sv. fr.

La prezoj entenas liton kaj manĝon dum la tuta veturo. La kajutoj de 2-a klaso enhavas po 4 litoj, de 3-a klasoj po 4—6 litoj.

Por tiu ŝipa veturo oni bezonas nek germanan, nek polan vizon. Per la sama ŝipo oni povas reveturi el Danzig, sed ĝi forveturos el Danzig nur la 9 Aŭgusto posttagmeze, alvenos en Klaipeda la 10 Aŭgusto matene kaj en Liepaja la 10 Aŭgusto vespere.

Je nia peto la ŝipkompanio bonvolis konsenti la jenajn specialajn favorprezojn por niaj kongresanoj: Por karavano de 11—30 personoj rabaton de 10%, por karavano de 31 aŭ pli da personoj rabaton de 25%.

**Ŝipveturo el Danujo.**

Danlandaj kongresanoj povos uzi la ŝipon de la franca karavano, kiu haltos ĉe Gjedser. Informojn donas S-ro G. Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris XIV, 4 rue Charles Divry.

**Karavano el Silezio**
(ankaŭ Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Polujo).

S-ro K. Kliem, del. de UEA en Habelschwerdt (Pfortenstrasse 3), Silezio, Germanujo, klopodas organizi karavanon el Breslau tra Poznan kaj Bydgoszcz (Polujo), do la plej rekta kaj mallonga vojo, al Danzig. Forveturo el Breslau: 28 Julio, 1.08 h., alveno en Danzig: 10.08 h. Tiu veturado estas daŭrigata el Wien kaj Praha (el Wien tra Brno la 27 Julio, 13.25 h., el Praha 15.50 h., el Usti nad Orlici 18.57 h., alveno en Breslau 23.25 h.). En Breslau atendo de 23.25 ĝis 1.08 h. Dezirantoj partopreni la karavanon bonvolu baldaŭ informi la organizanton.

**Radio-disaŭdigo.**

La 30 Julio, vespere je 8—9 h., eminentaj kongresanoj el diversaj landoj disaŭdigos salutojn en siaj naciaj lingvoj kaj Esperanto per la radio-stacioj de Danzig kaj Königsberg.

**Plantado de „Jubilea Kverko".**

La urbestraro de la fama Baltmara banurbo Zoppot bonvole decidis honori nian jubilean kongreson per la nomigo de vojo kaj placo je „Esperanto". La solena inaŭguro okazos dum la kongreso. Kun la konsento de la urbestraro la LKK alvokas la kongresanaron por planti en la mezo de la Esperanto-placo la „Jubilean Kverkon".

**Pola vizo senpaga.**

La pola registaro bonvolis konsenti senpagan pasportvizon por la kongresanoj. Detaloj sekvos.

La partoprenontoj de la pilgrimo al Varsovio povos akiri la senpagan polan vizon ankaŭ en Danzig.

**Plena pensiono mendebla.**

Laŭ la deziro de multaj kongresanoj ni kompletigis la loĝejan tarifaron (sur la flava mendilo) per tarifo pri bonega plena pensiono kaj ni tre rekomendas ĝin baldaŭ mendi, ĉar la nombro estas limita.

*Tarifo VI.* a) Plena pensiono en *unuarangaj kaj duarangaj hoteloj* en Danzig. Ĉambro kaj tri manĝoj kun *malgranda menuo.* Matenmanĝo: kafo aŭ teo aŭ kakao aŭ lakto, butero, marmelado kaj bulkoj. Tagmanĝo: supo; fiŝo aŭ viando kun legomo; deserto. Vespermanĝo: supo; fiŝo aŭ viando kun legomo; fromaĝo. Elekteblaj laŭ karto. Prezoj por tago kaj persono: 9,—, 13,— kaj 15,— guldenojn.

a) Plena pensiono nur en *unuarangaj hoteloj* en Danzig. Ĉambro kaj tri manĝoj kun *granda menuo.* Matenmanĝo: kiel supre kaj ŝinko aŭ ovoj. Tagmanĝo: supo; fiŝo; viando kun legomoj; deserto. Vespermanĝo la sama kiel la tagmanĝo. Elekteblaj laŭ la karto. Prezoj por tago kaj persono: 16,50, 18,— kaj 20,— guldenojn.

Ĉiu prezo entenas ankaŭ la plenan servadon. Laŭ deziro vegetara menuo preparata. Manĝokartoj en Esperanto.

**Salutkarto — memoraĵo.**

Je la propono de la Esperantista Klubo en České-Budejovice ni devidis ebligi al ĉiu esperantisto ne povanta ĉeesti la kongreson la akiron de historie valora memoraĵo pri la jubilea kongreso: ekzempleron el la oficialaj poŝtkartoj kun skribmaŝine surskribita saluta frazo propramane subskribita de la kongresa prezidantaro kaj de ĉiulandaj (Aŭstralio, Japanujo, Kalifornio, Kaŭkazo ktp.) eminentaj gvidantoj de nia movado, kaj stampita per la speciala stampilo de la kongreseja poŝtoficejo.

Dezirantoj ricevi tiun memoraĵon bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian adreson kaj 1 guldenon (1 sv. fr.) kiel prezon de unu salutkarto al: Esperanto-Kongreso en Danzig. La mono estas sendebla en letero per UEA-kuponoj aŭ poŝtaj respondkuponoj (3 pecojn por unu salutkarto). Por ŝpari afrankon al la mendantoj, ni petas la esperantistajn grupojn kaj UEA-delegitojn, afable kolekti la mendojn. Ni devas ricevi la mendojn antaŭ la 25 Julio kaj la plenumon de pli malfrue ricevitaj mendoj ni ne povas garantii.

## Veturkosto de Danzig al Varsovio.

Oni informis nin ke la vojaĝo de Danzig al Varsovio kostas:

| | | | Rondcifere: |
|---|---|---|---|
| Unua klaso: | 7,— Guldenoj | + 70 zlotoj | = **Frk. sv. 50.—** |
| Dua klaso: | 4,40 „ | + 43 „ | = **Frk. sv. 30.—** |
| Tria klaso: | 2,70 „ | + 28 „ | = **Frk. sv. 19.—** |

La sumoj respektivaj estas en la ĉefaj monoj: Rmk. 40.—, 24.—, 15.—; 2 £, 1. 4. —, 0. 15. 2; Francaj frankoj: 250.—, 150.—, 95.—

Ĉio sen garantio laŭ informo de Vojaĝoficejo. De Varsovio rekta hejmveturo okcidenten ktp. tra Berlin kun 66% da rabato sur pola teritorio.

# TELEGRAMO

**Fermante la redaktadon de tiu ĉi numero, nia redakcio ricevas el Danzig la jenan telegramon:**

granda honoro por jubilea kongreso stop ekscelenco van hamel alta komisaro de ligo de nacioj en danzig kaj edzino bonvolas aranghi solenan akcepton por kongresanaro lokoko

# Esperantista Akademio

**Elektoj en la Lingvan Komitaton:**

Voĉdonintoj: 107

Estas elektitaj:

Nova membro: S-ro Cogen: 101 voĉoj

Elirintaj membroj:

S-ro Lundgren . . . . 99 voĉoj
„ Krestanoff . . . . 98 „
„ Grau Casas (Josep). 97 „
„ Török . . . . . 95 „
F-ino Pulvers . . . . 93 „
S-ro Blok . . . . . . 91 „

Paris, 3 Majo 1927

La Sekretario: *R. de Lajarte*

La Prezidanto de la Lingva Komitato
kaj de ĝia Akademio: *Th. Cart*

# Naciaj kongresoj.

## Belga.

Ĝi okazis Pentekoste en Mons kun oficiala akcepto de la urbestro. Partoprenis 100 p. inkluzive D-ro Privat el Genève, S-ro Bontwood el Hastings kaj kelkaj aliaj angloj. Prezidis S-ro Cogen. Granda entuziasmo regis.

* * *

## Franca.

En la pitoreska urbo de l' tranĉiloj Thiers (Puy de Dôme) niaj francaj amikoj kongresis je Pentekosto. 150 samideanoj pruvis, ke SFPE malgraŭ la malfacilaĵoj ekonomiaj en Francujo staras firme. La registaro estis oficiale reprezentita de la prefekto, la instruan ministron unuan fojon reprezentis la rektoro de l' Akademio de Clermond-Ferrand. Inter la invititoj estis S-ro Robert Kreuz (por I. C. K.) kaj S-ro Hans Jakob (por UEA).

* * *

## Aŭstria.

La 27 Majo Esperanto-flago flirtis de la ekspozdomo en la ĉefa komerca strato de Wien kaj montris al la publiko, ke okazas Esperanto-ekspozo. Jam dum kelkaj semajnoj S-ro Smital diskonigis per radio la necesajn informojn.

Je la 11-a la prezidanto de la komitato, S-ro Steiner, salutis en la tesalono de la magazeno Herzmansky 60 eminentulojn, kiuj venis al la malfermo de la ekspozo, inter ili ministeri-konsilanton D-ro Komenda por la instru-ministro, sekc. ĉefon inĝ. Gelse por la ministro por komerco kaj trafiko, legacian kons. D-ron Gooss, por la germana ambasadoro grafo Lerchenfeld sekc. ĉefon Uebelhör el la kanceliera oficejo, min. kons. D-ron Hell por la ministro por sociaj administraj aferoj, kortkons. D-ron Wollmann por prezidanto Glöckl, de Radio-Wien vicprez. kortkons. Stern, ĝen. dir. Czeja kaj prof. Richtera, de „Bundesbahnen" kort. kons. Kühnelt kaj reg. kons. Schlag, kolonelon Kloss ktp.

La reprezentanto de la instruministro per granda parolado oficiale malfermis la ekspozon.

La 5 Junio estis festotago por Esperanto en Aŭstrio. Enkondukis la kongreson Diservo en Minorita-preĝejo kun „Germana meso" de Schubert kaj prediko de Jezuito Berndl en Esperanto (aranĝita de AKLE). Je la 10-a okazis la malfermo de nia Sepa en „Nova Salonego" de Eksimperiestra Kastelo, ĉe kies enirejo flirtis nia flago. Estraro de la kongreso: Prez. Steiner, D-ro Christanell, sekr., Werner, Rogler, interpret. Smital.

Prezidanto Steiner salutas vickancelieron Breisky por kanceliero D-ro Seipel, min. kons. D-ro Kramer por instr. min. Schmitz, min. kons. D-ro Schneider por ministro D-ro Schürff, kort. kons. D-ro Leisching por urbestro Seitz kaj urbo Wien, kaj kiel prezidanto de popol-kleriga unuiĝo, ofic-kons. D-ro Möstl por landestro D-ro Buresch, ekskanc. kaj policprezid. Schober, regn. deput. Kunschak kaj Tomschik, univ. prof. D-ro Ettmayer por Universitato Wien, kort. kons. D-ro Schuman por Teknika Altlernejo, kort. kons. D-ro Wollmann por prez. Glöckel de Urba Lerneja Konsilantaro, kort. kons. D-ro Winternitz por la liglandaj fervojoj ktp.

Alvenis telegramoj kaj salutleteroj de: resp. prez. D-ro Hainisch, kancel. D-ro Seipel, min. Vaugoin, landestroj Buresch, Rehrl, Schumy kaj Schlegl, urbestroj Seitz, Hoss, Muchitsch (Graz), Fischer (Innsbruck), prez. de Aŭstria parlamento Miklas, princ. ĉefepiskopo D-ro Rieder (Salzburg), ĉefepiskopo D-ro Pfluger, rektoroj Molisch (Universitato Wien), Seidler (Teknika Altlernejo), Köck (Univ. Graz), Brell (min. altl. Leoben), prez. de Wiena Urania Univ.-prof. D-ro Lampa, prez. de Wiena Foiro Hochmuth, de fremdultrafika komisiono Müller, de la ĉambro por komerco Tilgner, I. C. K., Svisa Esp.-Soc., Germ. Esp.-Asocio, Germ. Esp.-Ligo en Ĉeĥosl., LKK Danzig, Heroldo de Esp. ktp.

Post la parolado de la prezidanto ĉiuj supre nomitaj oficialuloj en pli longaj paroladoj salutis la kongreson kaj promesis subtenon de la Esperanto-Movado (la paroladoj entute estas legeblaj en „Aŭstria Esperantisto", Korneuburg, Aŭstrio). Rimarkinde estas, ke prez. Schober kaj D-ro Möstl kaj kort. kons. Wollmann parolis parte en Esperanto, dum la reprezentanto de la teknika altlernejo kort. kons. Schumann parolis nur esperante.

St.



# TELEGRAMO.

Dum la presado de tiu ĉi numero, lasta antaŭ la XIX. Universala Kongreso, ni ricevas de la Loka Kongresa Komitato en Danzig la jenan telegramon:

decidis donaci al chiu kongresano senpagan abonon de heroldo de esperanto por monato julio stop numeroj enhavos chiujn informojn necesajn por kongresanoj lokoko

## Esperantista Vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Morris de Ketelaere* kun F-ino *Maria Wouters*, en Antverpeno.

— S-ro *Kazimierz Majorkiewicz*, del. UEA kun F-ino *Stefa Pobóg-Duszynska* en Czersk, Pol.

**Edziĝo.** — S-ro *Ong Tian Tong*, ano de UEA en Tempeh, Javo, kun F-ino *B. N. Lin.*

— S-ro *Josefo Gouzy* kun F-ino *Cecile Louis* fervoraj esperantistoj en Narbonne (France).

— S-ro *Otto Ginz*, VD en Praha, kun F-ino *Manka Dolanská*, eks-VD en Hradec-Králové.

**Naskiĝo.** — Al S-ro *Alfred* kaj *Jennie Egg*, Baden, Svislando, naskiĝis filineto Ester.

## Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **J. A. Negrón Sanjurjo** en Ponce, Puerto Rico, fervora kaj klera samideano.

S-ro **Géza Geider**, 77-jara, estinta urbestro kaj Vicdel. UEA, subprezidinto de E. R. A. en Nové Zamky, mortis en Budapest.

Nia delegito en Kenitra (Maroko), S-ro **Charles Thollet**, havis la malfeliĉon perdi amatan filon.

**J. N. Aunverdt**, preposto en Vastselinna (Estonio).

S-ino **Angela Bassi Valotti**, MA de UEA instruistino kaj sekretariino de la Esperanta-Grupo en Brescia.

S-ino **Trude Liebeck**, edzino de D-ro Siegfried Liebeck Ano de UEA en Berlin, mortis dum akuŝo la 31 Majo naskinte



fileton. La kongresanoj dum la XVII-a en Genève memoras la simpatian samideaninon kaj pense funebras kun la dolore frapita edzo.

S-ino **Anna Dresselhaus**, patrino kara de nia MS 22542, mortis 65-jara post longa dolorega suferado je 9. 6. en Schloß Holte b. Bielefeld (Westfalio).

Post longa suferiga malsano mortis en Lyon S-ino **Mamarot**, membro de UEA, Komitatanino de la Grupo Esperantista de Lyon.

S-ro **Karl Schwingshandl**, policano, ano de UEA en Salzburg, dum bano pro korapopleksio.

S-ro **Fritz Hodel**, malnova kaj sindonema ano de UEA en Neuchâtel, Svislando, mortis la 20 Junio 1927, 52-jara.

**Sinceran kunsenton!**

## REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj

### Belglando.

**Antverpeno.** S-ro F. B. Portabella, Verschansingstraat 57, PI, L kun gesamideanoj ĉiulandaj, precipe pri kinematografo kaj teatro. Nepre respondas.

### Brazilo.

**Miracema** (Estado do Rio). S-ro Teotonio da Cunha Mendes, librotenisto, PI, L kĉl

### Bulgario.

**Gabrovo.** S-ro Andrey Donev, Teknika Mezlernejo, PI, L kun junaj samideanoj ĉiulandaj.

**Ruse.** F-ino Sofia Benrej, ĉe Soc. Sokombel, PI kĉl.

**Ruse.** S-ro Donĉo Stavrev, vegetara restorejo, Saraolu ul. 4, PI kĉl.

**Ruse.** S-ro Belĉo Oktomvrijski, Maria Luiza ul. 15, PI kĉl.

**Ruse.** S-ino Petranka Dimitresku, San Stefano ul. 19, PI kĉl.

### Ĉeĥoslovakio.

**Bánská Bystrica.** S-ro Oliver Pivarček, Súdobná 28, kĉl.

**Červený Kostelec.** S-ro Zdenek Skalsky, fotografisto, PI, PM kĉl., ĉiam respondas.

**Domažlice.** S-ro K. Sýkora, ĉe P. Hana 137, L, PK, PM kĉl., ĉiam respondas.

**Holešov.** S-ro Leopold Kolář, forĝisto, L, PI kĉl.

**Holešov.** S-ro František Kršek, komercisto, L, PI kĉl.

**Holešov.** S-ro Inocenc Nedbal, laboristo, Tučapy č. Holešov, L, PI kĉl.

**Holešov.** S-ro Rud. Frelich, c/o O. Hrabal, L, PK kun skoltoj, PM. Tuja respondo garantiata.

**Holešov.** S-re D-ro Václav Procházka, juĝisto, L, PI kĉl.

**Holešov.** S-ro Prof. Fr. Růžička, Nová ul. 2, PI kun bildoj de malnovaj pentristoj. Certe respondos.

**Holešov.** S-ro Silvestr Vodňanský, bindisto, L pri socia vivo, grafika arto, PI kĉl.

**Hradec Králové.** S-ro O. Sklenčka, ĉefdelegito de UEA, serĉas korespondontojn por siaj kursanoj.

**Hradec Králové.** S-ro Fr. Kolář, domo de YMCA., PI, L kĉl. pri laboristaj movadoj.

**Jičín.** S-ro František Šádek, delegito, N. m. 52, PI bfl. kĉl.

**Jičín.** S-ro Frant. Jelen, Knotkovy domy, PI bfl, PM kĉl., respondos certe.

**Jičín.** F-ino Anči Votočkova, oficistino ĉe Judr. Pešula, PI bfl kĉl.

**Jičín.** S-ro Bohumil Pultr, Husova ul. Nr. 393, PI bfl, L pri turismo.

**Kovalovice p. Tištín, Moravio.** S-ro Jan Navrátil, tabakvendisto, skribis al dek anoncintoj kaj ne ricevis respondon. Pro tio li volas eksiĝi el UEA. Korespondemuloj, pruvu al li, ke vi ekzistas en la tuta mondo.

**Krásné Březno.** S-ro Alois Jůza, Nový přístav 235, PI, PM kaj monerojn kĉl.

**Loukov-Rybnice u Semil.** S-ro Jaroslav Falta, PM kĉl.

**Mährisch-Schönberg.** S-ro D-ro Ottokar Leneček, komerca lernejo, pri botaniko, geografio, lingvoj, PI, PM germane, angle, france, esperante.

**Merkelsgrün 156, Karl-Vary.** S-ro Rud. Reinwarth, PI kĉl.

**Ober-Rochlitz 239, Riesengebirge.** S-ro Hans Schier, PM, PI bfl, L pri teksarto.

**Pezinok.** S-ro Josef Merwart, oficisto, Ziegelwerke, kĉl., precipe kun fraŭlinoj.

**Praha XIX, Dejvice.** S-ro Vojtěch Kopecký, ĉe S-ro Kraus, PK, PI, L kĉl.

**Praha XIX, Bubeneč.** S-ro Richard Špaček, 29-jara, Ovenecká 28, pri diversaj temoj nur kun japanoj. Certe respondos.

**Praha III.** S-ro Z. V. de Castello, juristo, Sněmovní 11, kun orient- kaj sudlandanoj pri arto, precipe pentra.

**Rochlitz No. 28, a. d. Iser.** S-ro Franz Stöhr, PM, PI bfl, L kĉl.

**Tetschen a. E.** S-ro Hans Roppert, UEA-vicdel., Bräuhausgasse 88, PM, L, PI bfl kĉl., certe respondas.

**Tetschen a. E.** F-ino Hildegart Freigang, Fleischgasse, PI bfl, L kĉl.

**Teplitz-Schönau.** S-ro Kurt Hauptmann, Gottfried-Keller-Strasse 1737, PI bfl nur kun eksterlandanoj.

**Tornala, Slovakio.** S-ro J. Suk, PI bfl, PM laŭ Senff, il. gazetojn kaj L flugpoŝte.

**Upice 486.** S-ro Rudolf Trojan, UEA-del., PM kĉl., ĉiam kaj tuj respondas.

**Ustí n. Lab. III.** S-ro Václav Ečer, Svádovská 172, PI, PM kĉl.

**Ustí nad Orlicí.** S-ro Josef Kubíček, tabakvendisto, Pražská ulice, PI, L.

**Wernstadt.** S-ro Franz Böhm, Reichen 102, vinjetojn de alumetskatoloj, PI kĉl., certe respondos.

**Žamberk 642.** S-ino Růžena Marešová, instruistino, UEA-del., pri instruado, edukado, muziko k. s., muzikaĵojn, ilustritajn gazetojn, PI.

## Danmarko.

Sönderborg. Ĉar mi laŭ mia anonceto en „Esperanto“ ricevis pli ol 200 skribaĵojn, mi petas ĉiujn, kiuj skribis al mi, pardoni, ke mi ne povas respondi al ĉiu aparte. Ricevu tiamaniere mian sinceran dankon. F-ino Annelise Partsch-Jörgensen.

## Estonio.

Rapla. S-ro A. Nigosson, PM, PI kĉl., escepte Eŭropo.

## Finnlando.

Viipuri. S-ro A. Puolakka, K-ki, Rajak 8, L kun surduloj kaj pri surdmutulismo.

## Franclando.

Armissan, Aude. F-ino Noëlie Romain, PM francaj kolonioj kontraŭ PM ĉiulandaj.

Seloncourt, Doubs. S-ro J. Gaume, 13 rue du Tram, PM.

Seloncourt, Doubs. S-ro R. Bano, 87 rue du Tram, PM.

## Germanio.

Burkau N-ro 205. S-ro Paul Körner, anoj de Esperanto-Rondo, L, PI bfl pri ĉiuj temoj laŭvole kun geeksterlanduloj. Nepre respondos.

Düsseldorf. S-ro Raoul Laporte, artisto (teatro, kanto, filmo), Luegallee 6, L pri ĉiaj temoj (vivo, arto) kĉl., prefere Ruslando kaj Azio. Ne bagatelojn.

Frankfurt a. M. S-ro C. Hildebrandt, Göringstrasse 1, PM pogrande.

Görlitz, Silezio. S-ro Joachim Raabe, komercisto, Hartmannstr. 9, PI, L, preferas korespondadon kun esperantistoj parolantaj hispane. Ĉiam respondos.

Ketschdorf an der Katzbach, Silezio. S-ro Wilhelm Herrmann, fervojisto, L, PI, PM kĉl., esperante, angle, germane.

## Hindio Nederlanda.

Bojolali, Java. S-ro Siswosoedirdjo, Tjepogo, L, PK, PI.

## Hispanio.

Sevilla. S-ino Angeles Jimenez Oliver, strato Quevedo 11, nur PM, korespondas france, hispane kaj esperante.

Sevilla. F-ino Rosa Martinez, strato San Fernando 39, PM, PI, korespondas hispane kaj esperante.

Sevilla. F-ino Mary Auban, strato Sierpes 34, PM, PI, kor. france kaj esperante.

Sevilla. S-ro Cecilio Sanchez del Pando, fotografisto, strato Quevedo, nur PM kontraŭ sendo de PM aŭ fotografaĵoj laŭ deziro.

## Kubo.

Habana. S-ro Augusto Arias Milán, Str. Empedrado 42, PM, PI bfl kĉl.

## Latvio.

Dagda. S-ro H. Lidaka, UEA-del., L, PI artaĵn, fotojn.

## Luksemburgo.

Rodange. S-ino Anny Schoeters, nur PM prefere valoraĵn kun seriozuloj, bagatelaĵojn ne akceptas.

## Meksiko.

Mexico, D. F. S-ro Angel Luna, studento, Av. Tlaxcala 415, Col. Vallejo, L pri avikulturo kaj inĝenieraj aferoj. Ĉiam respondas.

## Nederlando.

Amsterdam. S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

Breda. S-ro C. Diepstraten, Teteringschen Dyk 60 E, L, PI kĉl.

Venlo. S-ro P. Pypers, Stalberg 144, PM laŭ Yvert-Tellier 1927 kun progresintaj kolektantoj kĉl.

## Sovetio.

Sebastopol, Krimeo. S-ro A. Ŝidlovskij, ul. Karl Marks 60 kv. 10, PI, L pri ĉiaj temoj, escepte politikaj.

Sebastopol, Krimeo. S-ino Rimma Ŝidlovskaja, ul. Karl Marks 60 kv. 10, L, PI kĉl.

Sebastopol, Krimeo. F-ino Ara Ter-Ezegelian, Korotkij pereulok 2, PI, L kĉl. pri ĉiuj temoj, escepte politikaj, france kaj esperante.

## Sudslavio.

Belgrado. S-ro Josip Ŝelem, ulica Prinea Eugenija 20, PI bfl kĉl.

Novisad. F-ino Anĝa Knjaviĉ, oficistino, Kr. Petra 2, L, PI, fot-aĵojn kun fotoamatoroj kĉl.

## Svedio.

Uppsala. S-ro Fritz Lindén, astronomia observejo, esperantaĵn gazetojn, prefere lakaĵn, ekstereŭropaĵn aŭ sovetlandaĵn.

## Usono.

Flint, Mich. S-ro John Davies, 1420 Clifford St., PI, L pri muziko, arto, socio.

Philadelphia, Pa. S-ro Henry W. Hetzel, UEA-del., High School for Boys, Phila-West, L, PI kĉl., serĉas korespondantojn por siaj lernantoj 15—20-jaraj.

Philadelphia, Pa. S-ro Joachim Kalmux, horloĝisto, 614 E Wyoming Ave., PI bfl kĉl.

## *Publika deklaro.*

La subskribintoj deklaras, ke, post esprimo de bedaŭro de S-ro Koogecu Niŝimura, kiu neniam intencis ofendi S-ron Grenkamp, forgesante ĉiujn pasintajn aferojn inter ili okazintajn, ili konservas por si plenan reciprokan estimon.

*Parizo*, la 3 Junio 1927.

*S. Grenkamp K. Niŝimura*

# Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco

Atentu! Io alterna el Java insulo. Jus aperis: „Multatuli, la historio de Saidjah kaj Adinda“. Legu tiun ĉi belan historion de du indiĝenaj geamantoj, kiuj devas perei pro misregado. Leginda verkaĵo de konata okcidenta (holanda) aŭtoro pri iama bedaŭrinda java estanteco kaj tradukita kaj eldonita de orienta esperantisto. Gesamideanoj, nepre aĉetu tiun ĉi belan libron, vi samtempe subtenas la eldonanton aperigi aliajn orientajn eldonaĵojn. Kostas nur 1,50 svisajn frankojn ĉe: S-ro Liem Tjong Hie, Kranggan, Semarang, Java.

Edziĝo. Juna inteligentulo 28-jara deziras korespondi kun morala fraŭlino, sen diferenco je kredo kaj nacieco, sendu proponon kun foto, la foto restas, neretumas. Adreso: S-ro Janko Georgiev, ano de UEA N-ro 23055, Gara-Aitos, Bulgario.

Eksportartikloĵn serĉas por Ĉilio, Sudameriko, tie loĝanta eŭropano, precipe amasartiklojn facile disvastigeblajn. Adresu sub „P. B.“ al Redakcio de „Esperanto“, Genève, Svislando.

Filatelistoj! Mi havas multajn PM, kies provizo ĉiutage pligrandiĝas. Sed mi ne estas filatelisto, tial mi ilin liveros por diversaj esperantaj kaj germanaj libroj kaj gazetoj (precipe ilustritaj). Mi akceptos ankaŭ purajn belajn vidaĵojn, Esperanto-ŝlosilojn, esperanta-nacilingvajn gazetojn kaj diversajn esperantaĵojn. La plej grandan kvanton mi sendos konstante al tiu, kiu ekabonos kaj pagos por mi unu de mi indikotan gazeton aperantan en Parizo. Eluzu la okazon! Adreso: S-ro Ch. Altmann, Drohobycz, Garbarska 3, Pollando.

Filatelio. Prof. W. de Lerber, Glay-Doubs, Francujo, interŝanĝas PM kĉl., precipe kun Baltiko, Centra Ameriko, Oriento, francaj kolonioj.

Filatelistoj! Novefondita societo „Slava“ interŝanĝas PM laŭ Yvert kun ekstereŭropaj landoj, ne antaŭsendas. Adreso: S-ro J. Jilkine, 2 rue d'Artillerie, Creusot, S. et L., Franclando.

Gazetoj. Mi aĉetas Esperanto-gazetojn el la jaroj antaŭ 1910, speciale „La Esperantisto“ eldonita de Zamenhof. Prezojn kaj datojn proponu al F-ino Rosa Brunner, Schimmelgasse 14|7, Wien III, Aŭstrio.

Juna fraŭlino germana, 26-jara, katolika, staturo alta-svelta, el bona familio, instruistino kun diplomo abiturienta, ankaŭ sperta en fakoj banka kaj komerca, vere perfekta en stenografio kaj maŝinskribarto, kun bona instruiteco ĝenerala, scianta la lingvojn anglan kaj francan, idealista, muziktalenta, amanta naturon kaj sportojn, domvirte edukita, tre asimiliĝema amoplena karaktero, kun granda intereso por la eksterlando, nuntempe okupata en iom granda kontoro industria en la gepatra urbo, deziras alian agadokampon, kiu ne postulas homon maŝinecan, sed virinon devokonscian, tamen kun amo al belo kaj bono, kies karaktero ĝojon donas kaj sunbrilon de vivo disradias. (Prefere en la eksterlando, sed ankaŭ en Germanio.) Respondojn en esperanta, franca, angla, itala aŭ germana lingvoj bonvolu sendi al S-ro W. H. Funk, delegito de UEA en Fulda, Germanio, Nonnengasse 7, II.

Karakterpriskribado el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

Komerco kun Turkio. Eksporton kaj importon reprezentas: Izmirde, Halim Aga Tcharchousinda, Jeni sokak 6, jazi hane de komisionĝu Ali Ilhami Ve Ŝakir Memdeuh Bey, Smyrna, Turkio. Ni povas eksportigi tapiŝojn, tabakon, olivojn, figojn, olivoleon.

Peto pri helpo. Malriĉa karbministo en granda mizero kun familio kvinpersona petas bonhavajn samideanojn je helpo. Indecon konfirmas la ĉefdelegito en Ĉeĥoslovakio, S-ro Sklenĉka.. Oni adresu: Josef Ittner, Neudorf Herrlich, Ĉeĥoslov.

Psikaj neordinaraj aperoj, telepatio, fantomoj estas kolektataj por publikigo. Kiu tion spertis bonvolu skribi, sub sia nomo aŭ pseŭdonomo, la raporton. Diskreteco garantiita. Adresu: J. Engledow, 74 Trinity Rise, Tulse Hill, London S. W. 2.

Samideanoj de ĉiuj landoj! Se vi vizitos tiun-ĉi someron la Teatra-Ekspozicion Magdeburg, vizitu ankaŭ placon 225 de samideano H. Leipelt en la industria halo. Mi funkcias kiel tradukisto por la ekspozicio. Emblemojn ekspoziciajn nur aĉetu ĉe mi.

Spiritualistoj! Estas tre grave! Mi vendas librojn-verkojn de fama spiritualisto D. D. Home, malnova eldono, angle kaj france. Korespondas france, germane, esperante. Adreso: S. Makovsky, Villa des peupliers, Saine Julien en Genevois, H. Savoie, France.

Stenografio. Kiuj samideanoj bonvolas disdoni senpagajn prospektojn pri „Stenografio por esperantistoj“ inter gesamideanoj en sia loko? Kiom da ekzempleroj mi povas sendi al vi? Por vi mi kunsendos belan bildkarton pri la plej granda nederlanda fervoj-ponto. Adresu: S-ro B. P. Roubos, UEA-Del., Noordendy 90, Dordrecht, Nederlando.

Turka lingvo. Mi serĉas turkan samideanon por korespondi turke, interŝanĝas germanajn kaj esperantajn librojn kontraŭ turkaj. S-ro W. Pawelski bei Schenk Brunowstrasse 17, I, Berlin-Tegel, German.

„Tutmonda interkonsento de la salajruloj“. Por akiri informojn skribu al S-ro K. Behrle, Liebigstr. 35, II, Berlin O 112, Germanio.

Vortoj de Prof. Cart, plej grava libro post la „Fundamento de Esperanto“, luksa eldono kun du portretoj. Prezo: 2,70 frankojn svisajn afrankite. Adresu al S-ro S. Grenkamp, Paris 6e, 4 rue de Vaugirard.

## Eksterlandaj esperantistoj, vizitu nian belan Aŭstrion!

Ekestis en Wien „Aŭstria Esperanto-vojaĝa Komitato" (Espervoko). Tiu ĉi komitato prenis sur sin la taskon, inviti la esperantistojn aranĝi karavanojn kun esperante parolantaj gvidantoj, kiuj gvidos tiajn karavanojn de 25—30 personoj tra la plej belaj pejzaĝoj de la tuta Aŭstrio. Tiamaniere propagandante por nia raviga lando, ni montros al la ĉi tieaj oficialaj rondoj, ke Esperanto estas taŭga ilo por grandstila, efikplena fremdulpropagando.

La vojaĝoj komencos en Salzburg (matene) kaj kondukos tra Salzkammergut (per grandaj aŭtomobiloj), Linz, Wachan (ŝipo), Wien, Graz, Wörthersee, Villach, Tauernfervöjo, Bad Gastein, Zell am See, Kapruner Kesselfall (akvofalo ĉe Kaprun), Achensee, Innsbruck, Bregenz resp. Salzburg. Oni povos komenci en Salzburg aŭ Wien kaj finos en la komencurbo.

Por doni al partoprenontoj de la 19-a Universala Kongreso de Esperanto en Danzig la eblon, viziti ankaŭ la belan Aŭstrion, „Espervoko" aranĝas la vojaĝon en Aŭgusto tiamaniere, ke oni povu kunigi la vojaĝon al Danzig kun vizito de Aŭstrio. La vojaĝoj en Aŭgusto kaj Septembro komenciĝos je sufiĉa partopreno en Salzburg la 7. VIII. kaj la 4. IX. resp. en Wien kvar tagojn poste. Ili daŭros po 13 tagojn kaj kostos entute aŭstriajn ŝilingojn 375.—.

Ĉar la gvidantoj ĉion klarigos ne nur esperant-, sed ankaŭ germanlingve, ankaŭ ne-esperantistoj povas partopreni.

Finfina aliĝo (antaŭpago 30 ŝilingojn) plej malfrue ĝis 16 tagoj antaŭ la vojaĝkomenco.

Sciigojn donas kontraŭ respondkupono
por „Espervoko"
adreso: Wien I, Hofburg, Batthyanyi-Stiege, 2. Stock
*R. M. Frey* kaj *E. G. Bernfeld*
delegitoj de UEA

---



Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N